## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

| En landoj: | |
| --- | --- |
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487. |
| Belga: | H. Rainson, Lange Penninkstr. 17, Mecheln. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥa: | A. Valoušek, Tyršova 19, Brno XII. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | Pierre Pichon, Champtoceaux (Maine et Loire.) |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Boráros tér 6, IV. 1. Budapest, IX, |

| En landoj: | |
| --- | --- |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot. |
| Latva: | S-ino O. Jušen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig. Poŝtĉekkonto: 202100 |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6, Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol., Duonjara provabono 1/2 dol., Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj kompreneble akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 27857.

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 15609.


## Por la Esperanto-kursoj, kiujn vi komencos en la nova jaro 1932

*Uzu la lernolibron por germanlingvanoj „Das leichte Esperanto" (La facila Esperanto) de Jung kaj Wingen. Kiel montras la titolo, ĝi estas facila lernolibro kaj tre taŭga por kursoj en lernejoj. Ankaŭ ĝia prezo de gmk. 1.— konvenas por ĉi tiu celo. Se vi mendos 10 ekzemplerojn vi, kiel instruisto, ricevos 11 ekzemplerojn. Provu ĝin, certe vi rikoltos sukceson! Mendu ĉe*

*Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Strasse 94, Germ.*

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 1/2
Januaro - Februaro 1932

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo


---



## Por IPR mi deziras ...

Mi tre ŝatas legi, ĉiun monaton, nian karan revuon IPR. Kaj kiam la leterportisto ĝin en miajn manojn metis, mi ĝin malfermas kaj folias, sed malfeliĉe tiu foliado ne komplete kontentigas min. — Ho! kiom vi estas postulema, diras jam miaj legantoj! Kial do vi ne trovas interesaj tiujn pedagogiajn artikolojn? — Tute mi ne diras tion, karaj kolegoj, mi ne diskutas la valoron de tiuj paĝoj, kontraŭe mi scias ke ili devas esti la fundamento, la esenco de la revuo; cetere, mi min regalas, dum pluraj horoj, legante IPR, kaj aprobante multe da ne konataj de mi ideoj pedagogiaj. Tamen, mi ripetas, kiam mi fermis la libreton, mi ne estas komplete kontenta.

Mi kiarigas, ĉar jam leviĝas la ŝultroj de la legantoj kaj mi ne volas, eĉ dum unu minuto, esti rigardata kiel frenezulo.

Vi, amikoj, kelkafoje eniris en kinematografejon. La instruistoj ne estas milionuloj, sed tamen mi kredas, ke via plata monujo permesas al vi de tempo al tempo tiun agrablan superfluaĵon. Supozu ni nun ke oni montras al vi nur gravajn, seriozajn scenojn, sen prezenti, ĉu meze, ĉu fine, malstreĉan komikaĵon! Respondu, ĉu via kontento estas plena?

Same, oni admirigas al vi belan tre bone aranĝitan ĝardenon. Tie estas la brasikoj, tie ĉi la terpomoj; ĉiu utila kreskaĵo staras en taŭga loko. Certe neniaj legomoj mankas . . . Sed baldaŭ vi deziras ripozigi viajn okulojn sur delikatajn florojn. Kie do estas la floroj? ili mankas kaj vi estas preskaŭ ĉagrenata . . . La pacienca laboro de la ĝardenisto ŝajnas al vi malpli valora, kaj vi eliras ne plene kontenta.

Nia revuo estas, laŭ mia opinio, simila je tiu kinematografejo kaj tiu ĝardeno. En ĝi mankas la floroj. Mi ne volas paroli pri la ilustraĵoj kiuj tre certe estus agrablaj kaj helpus al la kompreno de la teksto, nek pri tiuj tradukoj de kelkaj bonaj paĝoj de literaturo kiuj tiom amuzas post arda legado, sed pri artikoloj pli vivantaj, pli koloraj, ol temo tute pedagogia, ol traduko de interesa sed streĉa paĝo de profunda aŭtoro. Rimarku ke mi ne deziras la foriĝon de tiuj artikoloj, ili devas okupi en la revuo grandan spacon, sed ne la tutan. Unuvorte mi fervore deziregus ke modesta instruisto, kiu eĉ ne skribas perfekte Esperante, kiel mi, instruisto kiu ne havas tempon por serĉi multnombrajn kaj noblajn ideojn, por fari belsonajn vortojn kaj perfektajn frazojn — ne bezonas admirindajn frazojn por plaĉi —, prenus la plumon por rakonti al siaj eksterland-kolegoj sian propran vivon de instruisto.

IPR havas, en ĉiu lando de Eŭropo, almenaŭ unu leganton. Kial do tiu leganto ne skribis artikolon pri si mem, pri sia klero, siaj instrumetodoj, pri la kutimoj en la lernejoj, bonaj kutimoj aŭ malbonaj; por rakonti ekzemple el sia vivo unu tagon; doni la specialajn lernejajn leĝojn; fari plurajn kritikojn; montri kiel li vivas en sia vilaĝo aŭ urbo, paroli iom pri la moroj, pri la batalo inter skolo[1]) kaj eklezio ktp. . . . doni la salajron de la instruistoj en sia lando, la prezojn de la plej gravaj vivbezonaĵoj. Kiom da temoj, karaj, mi nun miksas, ĉar mi ne havas tempon por ordigi ilin. — Vi diras: „Sed, al kio do servas la korespondado? Nu, amikoj, mi respondas ke en Norvegujo, Britujo, Svedujo, Italujo, Grekujo, Bulgarujo, Rumanujo, Serbujo, Nederlando ktp., mi ne havas korespondanton. La vivo de instruistoj norvega, brita, ktp., estas tute ne konata de mi, kaj mi estus treege feliĉa se norvega kolego skribus paĝon el sia instruista vivo. Ho, jes! la aferoj lernejaj en tiu malproksima lando kiun mi konas nur per la imagoj de ĝiaj „fjords" kaj diversaj legaĵoj, estas por mi granda kuriozaĵo! Komplezema norvega kolego, donu baldaŭ al mi, kaj al ĉiuj IPR-abonantoj, tiun kontentigon, kaj rakontu nin, en tiu revuo, kiel, en via neĝa kaj pentrinda lando, vi vivas!

Cetere, eĉ se jam ni konus pli aŭ malpli la vivon de fremda kolego, ni kompreneble legus ĉiam kun vera intereso lian rakonton. Ni multe preferas ĝin al artikolo tro serioza, severa — instruema certe — sed ne tiom vivanta, agrabla por legi, plena de floroj, eĉ iom da komikaĵoj, kiel paĝo, en kiu oni vidas paroli kaj barakti la instruiston mem. Ĉu vi min komprenas, karaj kolegoj: mankas en IPR ĉiumonate tiu artikolo. Ne bezonas, ĉu ne, esti klerulo por fari ĝin, sufiĉas ke oni deziras instrui plaĉe la aliajn, petante nur, kiel kompenson, ke pli malfrue, tiuj aliaj plaĉe vin instruos!

En la venonta kajero, mi provos komenci, per miaj modestaj fortoj, kaj sub la titolo: „Mia instruista vivo", donos al la legantoj impreson pri la vivo de instruisto en Francujo, pri mia klaso kaj instrumetodoj, nia laika lernejo, nia lukto kontraŭ la pastroj . . . niaj klopodoj por akiri pli altan salajron.*)

Petro Pichon, instruisto,
Champtoceaux (Maine-et-Loire), France.

---

[1]) skolo = lernejo.

*) La redaktoro tre volonte aperigos tiajn „florojn" kaj eĉ pagos ilin.



## Alvoko por senarmigo.

La esploroj de ĉiulandaj scienculoj kaj de teknikistoj alportis la pruvon: Ke la modernaj metodoj de milito malefikigis la nacian defendon kaj la protekton de la civila loĝantaro.

— Ke nova milito havus kiel rezulton la ekstermon de granda parto de civila loĝantaro per fajro, veneno kaj mikroboj.

**De nun ĉiuj popoloj estas en danĝero.**

— Ĉu vi scias kio estus nova milito kun la rimedoj por detrui, rimedoj ĉiutage perfektigataj de la scienco?

— Ĉu vi scias ke de nun la milito estas profitdona al neniu ĉar ne nur la centroj de provizado pormilita kaj nutraĵoj estos vizitataj unue sed ankaŭ ĉiuj gravaj industriaj centroj, kio sekvigus la ruinon de l' industriaj estroj?

— Ĉu vi scias ke brul-bombardado per aviadiloj povus detrui samtempe urbojn kiel Londono, Parizo, Berlino?

— Ĉu vi scias ke la gasoj detruas ne nur la homan organismon, tuj aŭ post longaj kaj neesprimeblaj suferoj, kaj ke ĝi ankoraŭ penetras en la profundaĵojn de la grundo kaj venenigas por longa tempo la teron kaj la akvon?

— Ĉu vi scias ke brul-bomboj povas per kemia reakcio provoki temperaturojn ĝis 3.000 centigradoj, kio sekvigas la neniigon de ĉio kio estus forsavita de la detruo per la venenigaj gasoj?

Tamen! spite la pacemajn oficialajn asertojn, neniam ekzistis en la mondo pli multnombraj kaj gravaj minacoj de milito.

— Ĉu la popoloj permesos ke la registaroj preparu ilian detruon?

Do, ili unuiĝu kaj pruvu sian volon de Paco postulante:

l a u n i v e r s a l a n s e n a r m i g o n.

Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco
Komisiono pri la Scienca Milito.

---

## La genio en la infano.

De Rudolf Borsch,
docento ĉe Pedagogia Instituto de Teknika Altlernejo, Dresden.

Dum la lastaj jaroj en Germanujo aperis pluraj gravaj verkoj pri desegnoinstruado. Unu el la plej interesaj kaj valoraj estas titolata: La genio en la infano. La aŭtoro de la libro, Gustav Hartlaub, estas direktoro de la „artohalo“ („Kunsthalle“) en Mannheim. La unua eldono aperis antaŭ ĉirkaŭ 10 jaroj. Tiam ĝi kaŭzis egan atentadon kaj apartenis daŭre al la plej gravaj verkoj, kiuj estas verkitaj pri desegna esprimo de la infano. Aŭtune 1929 aperis la dua eldono. Hartlaub tute aliigis la verkon. La aŭtoro kelkajn ĉapitrojn forigis, novajn li aldonis, la rezultojn de moderna esplorado li prilaboris. Do la libro, eldonata de Ferdinand Hirt en Breslau*) kun laŭdinda eksteraĵo, prezentas verkon, kiu bonege sciigas pri opinioj, kiuj nuntempe regas en Germanujo pri desegnoinstruado.

*) Prezo gmk. 12.50, tole bind. 15.—.

La titolo de la libro „La genio en la infano“ unuamomente sonas iom strange. Oni povas supozi, ke Hartlaub atribuas al la infano la espriman kaj krean povojn de la artisto. Fakte ja ekzistas pluraj esploristoj sur la kampo de la infandesegno, kiuj asertas, ke estu konsiderenda kiel arto la desegna esprimo de la infano. Sed tiun opinion Hartlaub ne konsentas. Kontraŭe li tre decide strekas limojn, kiuj ekzistas inter infana desegno kaj arto de plenaĝulo. Liaopinie arto nur estas tio, kio krom nacia aŭ hejmregiona signifo enhavas ankaŭ signifon en la kultura tutmondo. Sed la desegno infana ne reprezentas valoraĵon en la regiono de la objektiva kulturo.

Kio do estas „la genio“ en la infano laŭ Hartlaub? Jam Friedrich Fröbel ekkonis, ke estas kreaj fortoj latentaj en la infano, kiuj deziras veni el la latenta stato en la realan efikon. Ankaŭ aliaj eminentaj germanoj ekrigardis al la forta povo, per kiu la infano konkeras al si la medion. Ekz. Goethe (pr. Gete) sin okupis pri tiu fenomeno, propreca en la homa vivo. Li diras en sia libro „Vero kaj poemo“ (Wahrheit und Dichtung): „Se infanoj kreskadus tiel, kiel ili eke sin montras, ni havus nurajn geniulojn.“ Alia, kiun pripensigis tiu forta talento de la infano, estis Arthur Schopenhauer. Ŝajnas al li, ke en malplenaĝaj homoj jam estas antaŭformitaj ĉiuj ĉefformoj de mondo kaj vivo. La infano trakuras en mallonga tempo grandegan multon da travivaĵoj kaj atingas plej mallongatempe la ŝtupojn, sur kiu staras plenkreska homo je la mondo. Ĉio tio okazas sen iu streĉo de volo. Infanoj havas povon, rigardi kaj ensorbi en sin la tutan abundon de l' vivo. Tiu talento estas tute natura, denaske li posedas ĝin. Ekz. infanoj ofte lernas senpene paroli plurajn lingvojn. Ili havas ofte bonegan vidmemoron, lingvaĵo de ili ne malofte aspektas alte poeta, kaj demandoj de ili montras tian energion, ke oni povas diri: „Se ili kreskadus tiel, ni havus nurajn geniulojn de filozofio.“

Ne io konscia agas en la infano, sed la infana genio. Infano sekvas la genion kaj ne eraras. En ĝi plenplene efikas la naturo. Tiu genio vivas nur en la infano. Ĝia efiko malaperas tiugrade, kiel la infano konkeras al si la realmondon. Sole en la artisto restas viva la genio. Tiukaze ĝi agas dumvive en li kiel demono. Ĝi igas lin krei eternajn verkojn.

La infano elradias sian internon en du formoj de travivaĵoj. En ili la subkonscio superregas la konscion. La du formoj estas revo kaj ludo. Revo ja ne estas sonĝo, sed kompreneble revado kun okuloj malfermaj, tiu mirinda stato, kiun ni ofte povas rimarki ĉe infanoj kaj kiun ni nomas reveco.

Plej klare ni rimarkas tiun revadon en la lingvaj esprimaĵoj de l' infano. Ofte infanoj parolas aŭ kantas por si sole. En tio strange sin miksas profunda senco kun sensenco. Ĉi tie ankaŭ estas citenda la fabelado de infanoj. Kaj — al la revanta infano estas parenca la ludanta. Ĉiam ludado de l' infano estas formado. Infano, ludante ĉevalon, ŝoforon, soldaton aŭ indianon, vere egalas grandan aktoron, kiu kvazaŭ forĵetas sian mion kaj transformigas sian individuecon. Li fariĝas Faŭst, Wallenstein, Lear aŭ Hamlet. Sed ekzistas esenca diferenco inter plenaĝulo kiel aktoro kaj ludanta infano. La plenaĝulo ludas por rigardanto. Sen la eĥo de la ĉeestantoj li ne povas esti artisto. La infano ludas por si mem. La ludado de l' infano ne estas spektaklo. Kion signifas piedbenketo, lignero por la infano, tion vidas nur ĝia propra okulo interna. Por la infano estas egale, ĉu rigardanto, kiu ne kun-

ludas, komprenas la sencon de la ludo. Tial ankaŭ infanoj tuj povas disigi tion, kion ludante ili estas formintaj. Konstruaĵon, kiun ili faris per siaj lignaj bloketoj, ili ne malofte tuj poste forigas. La infano konstruas kaj detruas.

Ĝis nun ne estas priparolita la desegnoinstruado. Sed ne estas diferenco, ĉu la infano ludante starigas figurojn aŭ ĉu ĝi komencas pentri sur paperon. Ne estas diferenco, ĉu infano revas fabelon en sia lingvaĵo, aŭ ĉu ĝi desegnas en bildo tiun fabelon. Oni observu infanojn, kiel ili ĉe tia farado parolas kun la figuroj, kiujn ili desegnas, kaj oni trovos, kiom parenca estas unu al la alia. Do ĉirkaŭ si la infano konstruas mondon nevideblan kaj magian tutaĵon. Tio fariĝas el la sento, ke tiu mondo apartenas al la kosma pleneco. Tiel infanoj ripetas la ŝtupojn de la rasaj evoluoj. Ĉi tie ni havas ankaŭ la lastan kaŭzon por tio, ke la desegnaĵoj de la kulturoj en la antikvaj tempoj similas tiom al infanaj desegnaĵoj. La bildoj de la egiptoj, la persaj miniaturoj, la tavolaj bildoj de la majstroj en la gotika epoko sub multaj vidpunktoj egalas la infandesegnaĵojn en unuopaj formoj kaj ankaŭ en konstruo. En ambaŭa kazo regas la samaj formleĝoj.

Estas nun multinstrue, legi en la verko de Hartlaub, kion la aŭtoro starante sur tiu bazo diras pri scio kaj interna vido, stilo de la infana desegnaĵo, esprimo kaj formo, invento kaj intenco, komparo al la arto nacieca, influo kaj medio kaj pri perluda lernado. Tre grava estas la tasko, kiun Hartlaub donas je desegna instruado. La celo iama kondiĉata per la faka instruo, ekzerci okulon kaj manon, estas anstataŭata per tasko, kiu havas pedagogian sencon pli ampleksan. Hartlaub diras: „Ni celu, ke la kreaj talentoj de l' infano estu vekataj kaj gardataj plejeble en laŭgrada plialtigo por matura aĝo.“ Okulo kaj mano nun kiel antaŭe estas ekzercendaj, sed ili estas nur rimedoj por celo, kaj la evolua ŝtupo, sur kiu staras la infano, postulas la metodon de la instruisto. Do estas grave, gardi la fortojn dormantajn en la infano, ne ilin detrui helpe de malĝusta ambicio de l' instruisto.“

„Estas nia tasko, igi la infanon fidanta al ekĝermado de krea forto natura.“ Kiu kiel infano povis vivi infanecan vivon en tiaj cirkonstancoj, kiu tiumanere vere povis esti infano, tiu al si konservis pecon da natureca homeco. Tiu fakto entenas la taskon por ĉiuj fakoj, kiuj servas al la ekzercado de l' esprima povo. Necesas, kiel Hartlaŭb diras, savi la infanecon en infanoj, maturigi ilin por la efiko de la genio.

En la finĉapitro Hartlaub parolas pri la limoj de la genio. Nuntempe sur pedagogia kampo en Germanujo estas rimarkebla kelko da reakciaj tendencoj. Ĉiuj reformklopodoj de la lastaj 30 jaroj kritike estas pritraktataj. Ĉie oni malkovras denove limojn kaj tro emas, postuli de tiu flanko tro multe kaj rigardi kiel necertaj ĝustajn ekkonojn, kiuj estas trovitaj. Hartlaub prave akcentas, ke per tiaj esploroj ne estu reigataj problemaj senco kaj signifo de l' akiritaj ekkonoj. Neniu intencas eduki neŭrotikulojn, neniu deziras proletaron artistan. Memkompreneble ja estas la fakto, ke ĉiu instruisto rimarkas, ke dum la lerneja tempo la genio en la infano perdas je forto. Sur la supera ŝtupo tial la desegnoinstruado estos solvanta novajn taskojn. Sed oni povos ilin solvi nur, se ankaŭ sur la antaŭaj ŝtupoj de evoluo por la infano desegno estis esprimilo kiel skribo kaj lingvo. Estas aldonataj al la teksto prievoluaj verketoj de infanoj talentaj je desegno. Ili pruvas, kiom pravas Hartlaub.

Esperantigis Rudi Wappler, asistento ĉe Pedagogia Instituto, Dresden.

# Provo de Esperanta terminaro pedagogia kaj psikologia.

De Paul Bennemann, Leipzig.

(Daŭrigo; komparu la unuan parton en IPR de Novembro 1930.)

## Pensi.

Pensado estas ĝenerale la paso de imagaĵoj kaj imagaĵo-kompleksoj kaj de iliaj simboloj (t. e. la vortoj); speciale: ĉiu imago, kiu kondukas al la formado de nocioj, juĝoj kaj konkludoj. Do la pensado supozas plurajn psikajn procedojn, kiuj (aŭ kies rezultoj) havas certajn rilatojn unu al la aliaj (kiujn esprimas ekz. la vortoj egaleco, simileco, kaŭzo kaj sekvo, superordeco kaj subordeco k. s.). Ĝi estas psika procedo kun biologia, ne psikologia bazo. Ĝia naturo estas ankoraŭ nekonata; konjekteble ĝi estas neklarigebla, elementa atributo de l' vivanta homo. La pensado estas intime ligita kun la lingvo. Ĝia enhavo devenas nur el la empirio. La dependeco de l' pensado de la volo estas ankoraŭ necerta.

Germ.: denken Angle: to think, to reason, to cogitate France: penser, raisonner Esp.: pensi.

### Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

penso (t. e. pensataĵo aŭ pensitaĵo): Relative memstara (limita) parto de l' pens-procedo (precipe nocio aŭ juĝo).

pensoleĝoj: La kondiĉoj, kiuj devas esti plenumataj, por ke la pensado kaj ĝiaj rezultoj estu evidentaj kaj ĝenerale ĝustaj. La logiko konas jenajn pensoleĝojn: La propoziciojn pri la identeco, pri la kontraŭeco, pri la ekskludita tria kaj pri la sufiĉa kaŭzo.

pensulo: Homo, kiu kapablas subtile kaj profunde pensi.

penskapabla: Povanta pensi.

pensebla: Eco de io, ĉar ĝi povas esti pensata.

## Senti.

Sentado estas subjektiva (sendependa de eksteraj ekscitoj) psika fenomeno, kiu esence karakterizas la afekciojn (kolero, entuziasmo, espero k. s.) kaj ankaŭ al sensacoj kaj imagoj estas alligita kvazaŭ subjektiva koloro. — Pri la estigo de la sentoj ekzistas ĉefe jenaj hipotezoj:

a) Sentado estas aparta funkcio de la ekkono (Aristoteles).
b) Sentado estas interinfluo de la imagaĵoj (Herbart).
c) Sentoj estas subjektiva komplemento de objektivaj sensacoj kaj imagaĵoj.
d) Sentado estas fizika flankefiko de la sensacigaj iritoj (Müller, Weber, James, Lange).

Wundt distingas jenajn tri ĉefajn grupojn de simplaj sentoj: Agrablo kaj malagrablo, afekcio kaj malafekcio, streĉo kaj malstreĉo. Ĉiu el tiuj sentoj povas aperi en multaj formoj, kiuj treege varie povas interligiĝi.

Laŭ la sensacoj kaj imagaĵoj, kiujn la sentoj akompanas, oni povas distingi: korpajn (aŭ sensajn), intelektajn, etikajn, estetikajn kaj religiajn sentojn.

La sentado esprimiĝas fiziologie per ŝanĝiĝo de pulso kaj spirado, ankaŭ per la mienoj kaj gestoj.

Germ.: Gefühl Angle: sensation France: sentiment Esp.: sento.

Noto: Konsultante la grandajn naciajn vortarojn pri la vorto „sento“ kaj pri ĝia

signifo oni rimarkas, kiom granda estas la malcerteco pri enhavo kaj amplekso de tiu nocio (kaj tial: kiom necesa la fikso por la psikologio en Esperanto). Estas interese, aŭdi pri tio citaĵon el Dürr: Erkenntnistheorie (Teorio pri ekkono): „En la malrigora lingvo de la vulgara psikologio sento estas nomata ĉio, kio ne estas klare kaj distinkte difinebla kiel penso aŭ imagaĵo. Ĉi tie estas ĥaoso de nocioj, en kies malklara akvo estas facile fiŝkapti; ĉi tie estas trovejo por ĉiuj oportunaj ekkonoj, kiujn oni ne bezonas pruvi; ĉi tie misteraj profundaĵoj de la homa spirito ŝajnas malfermiĝi; ĉi tie malfermiĝas azilo por tiuj, kiuj tute aŭ parte volas eviti la simplan klarecon de scienca ekkono. Sed la psikologio penas, porti lumon ankaŭ en tiun malhelan regionon de la psika vivo de l' homo. Ĝi konstatas, ke krom imago kaj pensado ne ekzistas plia ekkon-funkcio; ke malklaraj nocioj estas malaltvaloraj nocioj, kaj ke konfuzitaj imagaĵoj estas korektindaj imagaĵoj. Ĝi konfesas, ke eventuale malklara ekkono de l' ĝusto povas esti pli bona ol sagaca eraro. Sed tio ne volas diri, ke klara ekkono de l' ĝusto ne estas pli bona ol malklara, ke motivita ekkono ne estas pli bona ol nemotivita."

Komp. ankaŭ: „Per sentado provas helpi al si tiuj, kiuj ne povas pensi." (Kant.)

D e r i v a ĵ o j k a j k u n m e t a ĵ o j.

senti: Havi senton.
sentema: Facile sentanta.
sentebla: Eco de tio, kion oni povas senti.
sentkoloro (germ.: Gefühlston): Sento ligita kun sensaco.

## Voli.

Volo estas psika procedo, kiu antaŭiras la nerefleksajn agojn. Ĝi estas parenca al la impulsoj (germ.: Triebe; v. t.!), sed diferencas de ili pro la konscio pri intencata efiko, pri antaŭsciata sekvo. „Volo estas anticipanta bildo de l' sekvoj de movo" (James). „La volprocedo entenas ĉiukaze imagaĵojn (kiuj estas dense ligitaj al sentoj); ili estas la tiel nomataj motivoj de l' volo" (Wundt) .

La volo ne estas psika kapablo, sed nur psika situacio.

Germ.: wollen    Angle: will    France: vouloir    Esp.: voli.

D e r i v a ĵ o j k a j k u n m e t a ĵ o j.

voli: Uzi la volon.
vol(o)libero: Neligiteco de la volo.
volmallibero: Ligiteco de la volo.

## Animo, gemuto, intelekto, menso, psiko, racio, spirito.

Antaŭrimarko: Estas praktike kaj utile (pro kaŭzoj tuj priparolotaj), pritrakti kune ĉiujn ĉi nociojn.

Pri la mistera esenco de l' spirito, de l' animo diskutis senfine la filizofoj de la antikvaj grekoj ĝis la hodiaŭa tago. Pro tio la difinoj de tiuj du nocioj estas treege diferencaj; kaj estas tute vana klopodo, provi la kunfandon de tiuj difinoj. Kontraŭe, se oni akceptas iun ajn el la ekzistantaj definicioj, oni tro malvaste limigas la nocion, tiel ke ĝi fariĝas neuzebla por multaj aliaj kazoj, en kiuj la naciaj lingvoj ĝin uzas. Mi provis, difini la du subtilajn nociojn tiel, ke mi ne tro multe malproksimiĝis de la kutima uzo en la naciaj lingvoj, kaj ke mia difino permesu la plej vastan uzon por tradukoj el ĉiuj kulturlingvoj.

„Spirito" devenas de la latina vorto „spirare", t. e. spiri. „Animo" devenas de la

latina vorto „anima“ kaj tiu de la greka „aenaj“, t.e. blovi. Ambaŭ vortoj dekomence do signifas la samon, nome la blovon, la aeron, la spiron, kiu estas necesa por la vivo, la principon, la forton de la vivo, do ion nematerian, kio faras la korpon vivanta. La tiusenca uzo de **ambaŭ** vortoj tiom enradikiĝis en la faka kiel en la bela literaturo de ĉiuj popoloj, ke ŝajnas nekonsilinde, apartigi en Esperanto la du esprimojn per diferencaj definicioj; kaj ni havus sekve du vortojn por la sama nocio.

Aliflanke la naciaj lingvoj tre ofte uzas la du vortojn kun malsama, eĉ kontraŭa senco (ekz. en germana lingvo: „Der Mensch besteht aus Leib, Seele und Geist“ [Goethe]; en franca lingvo: L'âme anime le corps; êtres spirituelles, parenté spirituelle, le pouvoir spirituelle s'oppose au temporel; en angla lingvo: Body and soul, the spirit is willing, but the flesh is weak). Pro tiuj kaŭzoj estas dezirinde, allasi diferencigan uzon de ambaŭ vortoj; ĉar alie la traduko de tiaj tekstoj ne estus ebla, se oni ne enkondukus ankoraŭ novajn vortojn.

Kion fari? Post longa pripensado kaj ofta priparolado kun kolegoj-samideanoj mi riskas fari jenan proponon: Animo kaj spirito estas fundamente la sama, nome tio en la homo, kio ne estas korpa-materia, speciale la sumo de ĉiuj imag-, pens-, sent- kaj volprocedoj. Sed uzante la du vortojn, oni konsciu, ke „spirito“ iom kliniĝas al la intelekta, „animo“ al la sentanta flanko de la homo. La tute neŭtralaj, nepre senpartiaj esprimoj por ambaŭ estas **psiko** kaj **menso,** el kiuj la unua havas pli sciencan karakteron, la dua estas taŭga por la ordinara lingvo.

La pure p e n s a n t a parto de la psiko, la kapablo fari nociojn kaj juĝojn, estas la **intelekto** (tiu ĉi vorto do esprimas akcente tion, kio en la vorto „spirito“ povas esti aludata). La pure s e n t a n t a flanko de la psiko, la tuto de la sentoj kaj pasioj estas la **gemuto** (nova vorto; komp. malsupre! — Tiu ĉi vorto esprimas do akcente tion, kio en la vorto „animo“ povas esti aludata).

**Racio** estas tiu psika agado, kiu aspiras al ekkono de la universala interligiteco de ĉiuj objektoj kaj okazaĵoj kaj al celkonscia agado inter ili. Ĝi estas kvazaŭ la plej alta intelekto.

Oni do povus eble starigi jenan skemon:

psiko menso spirito animo intelekto racio gemuto

La ekvivalentaj vortoj el la ĉefaj lingvoj estas jenaj:

psiko: Germ.: Seele Angle: psyche, soul France: âme.
menso: Tiu radiko troviĝas en germana lingvo nur en la fremdvortoj mental, Mentalität k. s., en angla lingvo en formoj kiel: mental power, simile en franca lingvo en mental, mentalité.
spirito: Germ.: Geist Angle: spirit Franca: esprit.
animo: Germ.: Seele Angle: soul Franca: âme.
intelekto: Germ.: Verstand(eskraft), Einsicht Angle: intellect, mental power France: intellect.
racio: Germ.: Vernunft Angle: reason France: raison.
gemuto: Germ.: Gemüt Angla kaj franca lingvoj ne havas tiun vorton; oni uzas por ĝi en angla lingvo eble feeling, ankaŭ heart, nature, disposition, en franca lingvo esprimojn kiel facultés sensitives aŭ affectives, coeur, ankaŭ âme.

## D e r i v a ĵ o j k a j k u n m e t a ĵ o j.

Ili estas tiom multnombraj*), ke ankaŭ elekto ne ŝajnas donebla ĉi tie. Sed tio ankaŭ ne estas tro necesa. Ĉar la dubeklara senco de multaj derivaĵoj kaj de kunmetaĵoj kun ekz. (en germana lingvo) „Geist“ devenas de tio, ke la fundamenta

senco de la vorto ne estis ĉiam sufiĉe klara. Se ni akceptas la supre proponitajn difinojn kaj formas laŭ ili derivaĵojn kaj kunmetaĵojn, tiam ili estos klaraj kaj neerarige kompreneblaj.

## Parencaj kaj figuraj esprimoj.

prudento: Intelekto ĝuste kaj laŭcele uzata en la vivo.
saĝo: Intelekto altgrada, baziĝanta sur multaj longtempaj spertoj kaj etika grundo.
sagaco: Intelekto akre penetrema, kun subtila distingipovo.
inteligento: Kapablo facile koncepti, senpene kompreni, vigle pensi.

**Cerbo** kaj **kapo** ofte estas figure uzataj anstataŭ intelekto (spirito), ekz.: Lia cerbo iris promeni; kapon oni devas havi! (Zamenhof en „Rabistoj"). **Koro** (kiel supozata loko de la sentado) estas ofte uzata figure anstataŭ gemuto, ekz.: Ŝia **milda koro suferis de la vivo.**

## Aldonindaj rimarkoj.

1. Etimologio de la nova vorto „gemuto": En la malnova germana lingvo: gimuati. En la mezepoka altgermana lingvo: gemüete, gemuot. En la moderna altgermana lingvo Gemüt. En la mezepoka malaltgermana lingvo: gemode. En sveda lingvo: gemöt. En dana lingvo: gemyt.

2. Ĉu estas dezirinde, enkonduki la radikon gemut- ankaŭ en la ordinaran lingvon kun la derivaĵoj gemut(ec)a gemütlich (komparu la danan „gemytlig*) kaj gemuteco Gemütlichkeit, pri tio decidu la literaturistoj. Fakto estas, ke fremdlandaj gastoj, kiuj restadis inter ni Leipzig-anoj, ofte bedaŭris, ke por tiu „Gemütlichkeit", kiun ili agrable travivis, ne ekzistas esprimo en esperanta, nek en alia lingvo. Alloganta tasko por niaj esperantistaj ĵurnalistoj: skribi felietonon pri la germana „gemuteco"! Ĝis nun oni uzis por la vorto „gemütlich" (laŭ: Bennemann; Vortaro Germana—Esperanta): hejmeca, komforta, senceremonia, malsolena, familieca, intim(em)a, malceremonia, maletiketa, bonhumora, gajhumora, en aparta senco eĉ: malrapida. Sed la abundo de la tradukebloj estas nur signo por la manko de la ĝusta esprimo. La gravecon de la vorto atestas ankaŭ la fakto, **ke la piednote citita** vortaro de Grimm la pritrakto de la vorto „Gemüt" kun ĝiaj derivaĵoj kaj kunmetaĵoj okupas 24 paĝojn!

3. Notinde estas, ke — sekvante la naciajn lingvojn — animo kaj spirito havas ankoraŭ aliajn signifojn krom la ĉefaj, kiujn ni difinis por uzado en la psikologio:

Animo: Ĉefinstiganto, ekz.: Li estas la animo de la ribelo.
Interna parto, ekz. animo de kablo, de pafiltubo.
Spirito: Pens- kaj sentmaniero, ekz.: Plena de ŝovinisma spirito.
Homo kun altaj psikaj kapabloj, ekz.: Goethe estis granda spirito.
Estaĵo senkorpa, fantoma, ekz.: Noktmeze, kiam la spiritoj dancas super [la tomboj.

*) La plej granda germana vortaro de Grimm pritraktas ekz. la vorton „Geist" sur 60 grandaj, dense presitaj paĝoj kaj la derivaĵojn kaj kunmetaĵojn, inter kiuj eĉ multaj modernaj mankas, sur pluaj 26 paĝoj.

# Desegno kiel komunkleriga instruobjekto (-fako).

De Ivan Valĉanov, Tirnovo, Bulgarujo.

En komunklerigaj lernejoj niaj infanoj ricevas komunan evoluon kaj klerigon. Kiom pli alta estas la komuna evoluo kaj pli larĝa estas la komuna klerigo, tiom pli solide oni konstruas la specialan. Komunan klerigon kaj evoluon oni ricevas per laŭcela instruado kaj edukado.

En programoj de komunklerigaj lernejoj ne povas esti loko por instruobjektoj, kiuj ne posedas komunklerigan valoron aŭ kiuj helpas neniel la celojn kaj taskojn de tiuj ĉi lernejoj.

Ĉar la desegna instruo posedas grandan komunklerigan valoron, ĝi delonge havas lokon en la programoj de ĉiuj komunklerigaj lernejoj de la mondo. Kiom pli profunde oni penetras en la esencon de tiu ĉi instruobjekto, tiom pli klara fariĝos ĝia komunkleriga valoro kaj signifo por komuna kaj harmonia infana evoluo. Tial jam hodiaŭ oni difinas pli regule la taskojn de tiu ĉi instruobjekto, oni plibonigas ĝiajn metodojn kaj oni pli laŭcele elektas ĝian instrumaterialon.

Jam ĉiuj pensis, ke la desegno estas nur teĥniko — nur lerteco, je kiu la plej grandan rolon ludas la mano kaj ke, sekve, la desegno havas nenian komunklerigan valoron. Eĉ oni pensis, ke la desegno estas alirebla por malpli multo da tro talentaj individuoj kaj ke ĝin oni ne povas lerni kaj instrui en lernejoj. Kompreneble, ne mankas ankaŭ hodiaŭ homoj, kiuj pensas tiel, kaj tiaj ekzistas eĉ inter la geinstruaro, kaj per ili tiun ĉi malĝustan penson akceptas ankaŭ la lernantoj.

Tiu ĉi malĝoja cirkonstanco estas kaŭzo, ke mi skribu tiun ĉi artikolon pri la esenco kaj taskoj de l' desegno kiel instruobjekto en la komunklerigaj lernejoj. Post tiu ĉi artikolo sekvos alia, pri instrumaterialo kaj instrumetodoj de la desegna instruo.

Antaŭ ĉio la desegnon oni devas miksi kaj identigi kun la pentro. La desegno estas nur unu el la rimedoj de la pentro. La desegno estas nun ordinara manmaniero por reproduktadi bildojn de objektoj. Tiu ĉi maniero ne postulas talentojn, kaj ĝin povas ellerni ĉiu ordinara homo per daŭraj kaj sistemaj ekzercoj. Tamen la pentro estas alta arto — verkado, kiu postulas nepre talentojn. Desegnistoj estas tre multaj, sed pentristoj-artistoj estas tre malmultaj. Oni ne devas tiel same pensi, ke desegno esta figurado de objektoj nur per krajono aŭ per alia unukolora materialo, kaj pentra arto estas multekolora. Kontraŭe, la desegnaĵo povas esti multekolora, kaj pentraĵo — unukolora. Multe da „pentraĵverkoj", kiujn ni povas vidi en ekspozicioj kaj artgalerioj, prezentas nur multkolorajn desegnaĵojn de objektoj kaj figuroj, ne havante en si ion pure pentran aŭ artan.

Iuj pensas, ke la desegno estas nur reproduktado de bildoj de objektoj, t. e. nur laboro de la mano; sed laŭ sia esenco desegno estas tre malsimpla kaj komplikita procedo, en kiu partoprenas altaj organoj kaj kapablecoj kaj en kiu ne la mano faras la plej gravan laboron. En la konscio de tiu, kiu desegnas iun objekton, devas antaŭ ĉio formiĝi percepto (anima bildo) por tiu objekto, kaj tio staras per laŭcela observeco, laŭvole aŭ devige. Post akcepto de tiu ĉi bildo sekvos ĝia reproduktado per desegnaĵo. La dua pro-

cedo estas tute ne ebla sen la unua. Kiu ne akceptas ion, ne povas reprodukti ion. Pri desegno laŭ naturaj objektoj regas la principo: K i o n o n i a k c e p t i s, t i o n o n i r e p r o d u k t o s. Infano, kiu per laŭcela ekzerco kaj observeco akceptis, ke dompordoj estas pli grandaj ol domfenestroj, neniam reproduktos-desegnos domojn kun pordoj pli malgrandaj ol fenestroj, kaj tiel same tia infano neniam desegnos pordojn kaj fenestrojn kvadrataj, se ĝi antaŭe akceptis, ke ilia formo estas alia.

Do, desegno ne estas nur teĥniko, ne estas nur manlerteco. Ĝi ne estas faro nur de mano, sed ĝi estas faro pli de okuloj ol de mano. Tie ĉi oni devas memori, ke por desegno estas tre necesa antaŭe unu p r e c i p a, l a ŭ c e l a o b s e r v e c o, sed ne observeco ordinara, hazarda aŭ tia kia estas utila por aliaj celoj. Per observeco, kiu estas necesa pri desegno, oni ricevas, je plej videbla maniero, multe da gravaj konoj pri eksteraj signifoj de la objektoj. Ĝenerale, desegno estas tre forta rimedo por fiksadi la konojn, kiujn geinfanoj ricevas per aliaj instruobjektoj.

Mi devas memorigi, ke ekzistas kelkaj specoj de desegno: laŭnatura, laŭmemora, ornamdesegno, por ilustraĵoj k. a., per kiuj oni tre bone disvolvas kaj ekzercas infanajn observojn, konsiderecon, vidmemoron, estetikan guston, fantazion k. a. Sekve, sen desegna instruado la infanoj ne ricevus harmonian komunevoluon kaj edukon. Do, estas tre videbla la komunkleriga valoro de instruado pri desegno.

De alia flanko, mi devas memorigi ke desegno kiel arto kaj desegno kiel instruobjekto en komunklerigaj lernejoj estas du diversaj ioj. Sed ne nur desegno, tiel same ĉiuj aliaj instruobjektoj estas malsamaj, malegalaj kiel iliaj egalnomaj sciencoj aŭ artoj. Ĉiu instruobjekto prezentas s i s t e m o n d e k o n o j k a j e k z e r c o j, kiuj estas laŭcele elektitaj el samnomaj sciencoj aŭ artoj kaj ankaŭ el helposciencoj. Pri desegno tiu ĉi sistemo enhavas konojn kaj ekzercojn elektitajn kiel el arto desegno, tiel el helposciencoj: matematiko (perspektivo), fiziko, anatomio, estetiko k. a. Plej grave estas, ke tiuj ĉi konoj kaj ekzercoj estas elektitaj kaj ordigitaj l a ŭ i n f a n a j f o r t o j k a j l a ŭ t a s k o j d e l a k o m u n k l e r a j l e r n e j o j. Do, desegno kiel arto, kvankam ĝi estas alirebla por ĉiu sana individuo, ne povas kaj ne devas identiĝi kun desegno kiel instruobjekto. Kiel arto desegno servas al puraj estetikaj kaj artaj celoj, ĝi servas al pentro kiel alta arto, sed kiel instruobjekto ĝi servas al celoj kaj taskoj de lernejo. Ju pli da taskoj kaj celoj de komunklerigaj lernejoj povas enhavi estetikan kaj artan evoluon de infanoj, des pli desegno povas esti instruata kiel arto. Pri ĉiuj aliaj gravaj komunklerigaj taskoj, desegno estas ĝenerale, tre valora fako, kiel sistemo de konoj kaj ekzercoj alireblaj por ĉiuj infanoj, kaj tiel same utila kaj necesa por ĉiuj infanoj. L a ŭ t i u ĉ i e s e n c o k a j l a ŭ t i u j ĉ i t a s k o j d e l a d e s e g n o k i e l i n s t r u o b j e k t o n i d e v a s a n k a ŭ e l e k t i i n s t r u m a t e r i a l o n k a j t i e l s a m e n i d e v a s i n s t r u i d e s e g n o n p e r t a ŭ g a j m e t o d o j.

Se ni geinstruistoj faras tiel, ni gardos kaj plilarĝigos la lokon en komunklerigaj lernejoj. Alie, ni faros desegnon tute sensenca kaj senvalora en tiuj ĉi lernejoj ĉar komunklerigaj lernejoj estas p o r ĉ i u j s a n a j k a j n o r m a l a j g e i n f a n o j, sed ili ne estas nur por unu aŭ du infanoj talentaj pri arto.

Pri instrumaterialo kaj metodo sekvos dua artikolo.

# Premioj de konkursoj sciencaj.

**Universala Kunligo per-por Universala Konscio** (L' Entente Universelle par-pour Le Conscient Universel) alvokas al konkursoj jenaj:

1. **Integra Eduko** (ne pli ol 50 000 vortoj, premio 10 000 fr. fr.). Oni montru, el la vidpunkto de universa konscio, kia povas esti la plej bona Integra (Tuteca) Eduko (sendivide korpo-intelekto-morala) valida en la tuta mondo, eduko per-por la Universa Konscio (kolektiva tutmonda scienco).

2. **Konkreta Logiko.** (10 000 vortoj, 2 000 fr.). Oni montru, el la vidpunkto de universa konscio, ke la anstataŭigo de la konkreta logiko anstataŭ la nuna abstrakta logiko, fonto de la vortadismo (vortformalismo), estas la sola rimedo savi nian homspecon de la trofrua korpoperdo kaj de la eterna spirit-morto el tio sekvontaj.

3. **Civiliza Bilanco.** (10 000 vortoj, 2 000 fr. fr.). Oni montru, el la vidpunkto de universa konscio, se ni retroiras almenaŭ ĝis la komenco de l' erao kristana, kia estas la relativa parto de diversaj civilizoj, senĉese interinfluaj en la progreso kaj la refalo de nia homa speco.

4. **Valoro de l' Scienco.** (10 000 vortoj, 2 000 fr. fr.). Oni montru, el la vidpunkto de universa konscio, ke la sole ebla valoro de ĉiu scio, de ĉiu scienco, en nia homa konado, estas la povo, scie kaj kolektive, tio estas unuvorte „konscie", determini pli-kaj-pli la estontajn eblojn per la konado de la pasinteco.

Kompletajn kondiĉojn kaj vidpunkton petu de **L'Entente Universelle,** Terres-Rouges, Toulon (Var), Francujo.

# Samideanoj! Kunlaboru en via faka revuo, sendante artikolojn!

# Internacia pedagogia instituto en Mainz, Germ.

Tute en silento naskiĝis la internacia pedagogia instituto en Mainz (Germanujo). Ĝi estas infano de serioza laboro kaj senlima sindonemo. Kaj la infano bone kreskas kaj nun jam invitas la popolojn ĝin viziti. La instituto loĝas en iama granda kazerno — Citadelo. En 10 salonegoj troviĝas ekspozicio de lernejoj el diversaj landoj. Jam ekzistas filmteatro por montri instru-filmojn de ĉiuj landoj, kiuj emas konatigi siajn filmojn, taŭgajn por lernejo. Enlandaj kaj eksterlandaj firmoj montras en granda ekspozicio siajn lernilojn por la diversaj instrufakoj, de la plej simplaj iloj por la fundmenta instruado ĝis plej komplikaj optikaj kaj meĥanikaj aparatoj. Jam estas preta la hejmo de nacioj kun 50 ĉambroj por gastigi la vizitantojn. 100 ĉambroj estas pretaj por vi, geinstruistoj de la tuta mondo. Sed ankaŭ studentoj trovos hejmon. Estas jam pretaj kvar hejmoj por studentoj. Ili trovas ĉion, kion ili bezonas, en bona pura stato. La regularo en la domo zorgas, ke ĉio estu ĉiam en bona ordo. La student-hejmo ne estas en iu interligo kun aliaj hejmoj aŭ tendaro. Ĝi estas tute memstara. Ne trovos eniron iu ajn grupo. Nepra kondiĉo estas: La gvidanto devas esti respondeca instruisto aŭ instruistino.

En tiu instituto la tutmonda geinstruistaro interkonatiĝos, ĉar ili loĝos ne en la urbo, sed kune en la sama domo. Ili manĝos en komuna manĝsalono. Ili estas ĉiam en bona kontakto kaj fadenoj fariĝos de unu popolo al alia. La saman oni povas diri por la studentoj.

Karaj gekolegoj tutmondaj! Estas via devo, nun esperantigi tiun unikan entreprenon. Ĝi estas al vi, ĝi estos la via, se vigle kaj celkonscie vi partoprenos la vojaĝojn al **M a i n z.** Kiam en viaj fakgazetoj aŭ fakkunvenoj temas pri tiu instituto, tuj vin anoncu por la vojaĝo aŭ por gvidado de junulara grupo. La diverslandaj ministerioj donas stipendiojn.

Kelkaj ŝtatoj jam havas sian pretan hejmon en la instituto. La direktoro, instrukonsilanto Niemann, estas homo de ago, ne de vorto. Li komencis sian laboron per vojaĝoj al la ministerioj de Eŭropo, kaj li ricevis subtenon. Nun li anoncis la pretan hejmon, kaj jam venas instruistoj el Aŭstrujo, Bulgarujo, Danujo, Jugoslavujo, Rumanujo. Ankaŭ al vi, gesamideanoj de ĉiuspecaj lernejoj, li prezentas hejmon por kelkaj tagoj. Venu kiel esperantisto, anoncu vian alvenon al la Esp.-grupo en Mainz, ne kaŝu vian verdan stelon! Certe impresos la neesperantistajn gekolegojn, se alveninte vi jam trovos gekolegojn en la stacidomo, kiuj bonvenigas vin. Vi ĉiam estos bonvena en nia grupkunveno, en kiu estas kelkaj gekolegoj.

Tre baldaŭ alportos Finnlando, Estlando, Litovujo, Svedujo kaj Holando siajn daŭrajn ekspoziciojn. La germana lernej-muzeo ampleksas 30 ĉambrojn. Do Mainz montras komparan pedagogion, kiun oni nenie povas vidi en tia komplekso.

Adreso de la grupestro: A. Läufer, Mainz, Willigisplatz 2 (Germanujo).

---

# Monumento por Wilhelm Rein.

De D-ro Th. Fritzsch, Dresden.

En Jena Wilhelm Rein nun havas sian monumenton. Ĝi staras proksimege antaŭ la malnova universitato, en kiu miloj da lernantoj „sidis ĉe liaj piedoj", apud tiu de lia instruinto kaj antaŭulo K. V. Stoy. Rilate al sia arta formo ĝi konsiderinde distingiĝas de aliaj monumentoj. Ĝi ne estas la kutima busto; la artisto Josef Gangel, München, kreis kontraŭe tutan originalaĵon. Kalikbloko el Turing-a muŝelkalko montras sur la antaŭa flanko la kaporeliefon de W. Rein en marmoro kaj portas la plj ol nature grandan broncan figuron de multaspira junulo, kiu estas interpretita kiel „altencelanta al la lumo kaj dankeme ricevanta donaĵon de supre". Ke la bildo de Rein sin maltrudas kompare kun la troaltigita junula statuo, tio tute konformas al la modesta karaktero de la simpla viro, kiu ĉiam retenis sian personon, kaj kiu ĉiam volis servi nur al la afero. La ne malgrandan sumon por la monumento havigis lernantoj kaj honorantoj de Rein el ĉiuj kulturlandoj de la mondo dum unu jaro. Jam tiu ĉi fakto pruvas la tre ampleksan influon de Rein, kiun ankaŭ evidentigis la inaŭgura soleno la 2-an de Aŭgusto 1931. La inaŭguran paroladon faris profesoro G. Weiss; li priskribis la eminentan personecon de Rein, kiu baziĝis sur sankta seriozeco, alta opinio pri la vivo kaj kora amo al sia popolo. Urbestro Gries laŭdis la meritojn de Rein pri la urbo Jena, kiu faris lin honora burĝo. La dekano de la filozofia fakulteto profesoro D-ro Barwick akcentis, ke estis Rein, kiu per sia nelacigebla agado atingis, ke la pedagogio fine estas reprezentata kiel memstara fako ĉe la plej multaj universitatoj. La delegito de la Bulgara kulturministerio montris, kiel Rein fekundigis la tutan spiritan vivon de Bulgarujo; ĉiuj liaj verkoj estas tradukitaj en la bulgaran lingvon. Reprezentantoj de la Aŭstra instruista landorganizacio kaj de la pedagogia instituto de la universitato Jena memorigis pri la neforgesebla majstro. Por la Turinga instruista asocio parolis lerneja konsilisto A. Becker, Weimar. Tio estis des pli ĝojiga, ĉar la Germana instruista asocio estis rifuzinta partopreni. Li montris la neforgeseblajn kaj daŭrajn valoraĵojn, kiuj Rein donis al la lernejo kaj al la instruistaro. A. Damaschke laŭde honoris en la nomo de la ligo por terposeda reformo la meritojn de Rein pri tiu kampo kaj pri la socia demando entute. La parolinto estas havinta profundan impreson, kiam li povis konstati en la eksterlando, ekzemple en malgrandaj lokoj de la Balkano, ke oni tie kun granda respekto parolis pri Rein kaj pri liaj verkoj. Por la iamaj membroj de pedagogia universitata seminario

kaj por la scienca-pedagogia asocio Scholz, Hildburghausen, kaj D-ro Reukauf, Coburg, diris korajn memor- kaj dankvortojn por profesoro Rein, kiu, ne estante dogmatikulo, senpartie konsideris ĉiujn tendencojn kaj kiu antaŭ ĉio estis patro de siaj lernantoj. Harmoniplenaj kantoj de la gevira ĥoro ĉe la pedagogia instituto ĉirkaŭis la imprespleran inaŭguran horon.

Esperantigis W. Hahn, Gohlis-Dresden.

---

## Aŭtuna kongreso de la „Bund Entschiedener Schulreformer"

**(Ligo de decidemaj skolreformanoj) en Berlin.**

La „Bund Entschiedener Schulreformer" havas la specialan meriton, serĉi solvon dum la kongresoj de nove aperintaj problemoj edukaj. La lastjara aŭtuna kongreso en Berlin pritraktis la aktualan temon: „gejunularo, eduko kaj politiko".

Altrudi iun mondperceptoon al la gejunularo kaj eduki ĝin laŭ tiu, tio estas oportuna edukilo, kiun la respondeca kaj zorgema pedagogo devas malakcepti. Potenculoj de la ekonomio, grupoj de diversaj konfesioj kaj eĉ la ŝtato deziras formi la gejunularon laŭ siaj voloj. Sed tiuj tri estas ŝanĝeblaj potencoj de ege reala forto. La ŝtato ebligu al la gejunularo nur edukan ĉirkaŭaĵon kaj vivmanieron; ĉar la gejunularo serĉu mem la vojon al solidara formado de la socio. Nur tiel eduko sin trovos kiel „la procedo de la evoluo al solidara-morala etiko" kaj kiel „la vojo al produktiva plentuteco de ĉiu homo" al la politiko „kiel la plej efika aplikado de la fortoj por atingo de konstanta solidareco".

Ni rajtas paroli pri politiko laŭ pedagogia senco nur, ke gejunularo ne estas misuzata por la interesoj de potencoj, kiuj estas fremdaj por la gejunularo. Gejunularo maturiĝu kaj kresku al propra decidkapableco. Neniu pedagogo instruu ĝin politike, kiu ne estas kapabla, distanciĝi de propra pasio al objektiveco. Kiel vojon kaj rimedon de politika edukado ni postulas la malpermeson de ekscesoj, sed ni malakceptas registaran malpermeson de pensmanieroj. Antaŭ ĉio gejunularo estas konvinkenda pri tio, ke nur aliigo de la fundamenta etiko povas aliigi la solidaran konstruadon de la socio al frata kuneco.

Al tiuj, kiuj interesiĝas pri ŝtatana edukado, estas rekomendata la kongreslibro, aperonta ĉe eldonejo Zwinger, Jena, kun la titolo: „Gejunularo, Edukado kaj Politiko"; ĝi entenas ĉiujn prelegojn. Schm.

---

## Gravaj reformoj en la instruado en Hispanujo.

La respublikana registaro publikigis gravajn dekretojn por la instruado en ĉiuj gradoj.

1800 geinstruistoj kiuj ĝuis (se tion ĉi oni povas nomi ĝui) jare 2500 pesetojn kaj 5033 kiuj ricevis nur 2000 pesetojn, ĉiuj havas de la 1-a de lasta julio la jaran salajron de 3000 pesetoj.

Antaŭ kelkaj jaroj jam estis la minimuma salajro 3000 pesetoj por la geinstruistoj el la unua ordenskriba tabelo, t. e. por la geinstruistoj devenantaj el konkurso.

La hispana parlamento nun aprobis la sufiĉan krediton por tiuj plialtrangiĝoj.

Oni diktis tiun dekreton la 23-an de lasta Junio, kaj ĝi diris, inter aliaj aferoj, en sia antaŭparolo:

„La Instruistaro ne povas sekvi prokraste en la salajra skalo de la ŝtatoficistoj . . . Ankoraŭ restis en Hispanio 1800 naciaj geinstruistoj, kiuj enspezas 2500 ĉiujarajn pesetojn, kaj 5033 geinstruistoj, kiuj sole enspezas 2000. La Respubliko devas ekstermi tiujn salajrojn, kiujn ĝi konsideras kiel insultegon por la lando, kiu ilin subtenas."

Kredeble la pliaj geinstruistoj atingos

en la proksimaj budĝetoj la plibonigojn, kiujn ili meritas.

La respublikana registaro al si proponas ekstermi la analfabetismon, kreante la lernejojn, kiujn oni bezonas. Ĝi petis antaŭ nelonge de ĉiuj inspektoroj de unuagrada instruado liston de ĉiuj lernejoj, necesaj en ĉiu distrikto de ilia koncerno. 27 000 lernejoj estis la rezultato de tiu ĉi enketo kaj estas la heredaĵo el la monarĥio. La registaro projektas krei ilin ĉiujn dum unu kvinjaro; 7000 jam estas kreitaj kaj ĝiaj nomoj publikigitaj en la „Gaceta de Madrid"; kaj poste sekvos la 20 000 kiuj restas, po 5000 ĉiujare.

La urbestraroj devas disponigi lernejkonstruaĵojn kaj la necesegan materialon, por ne malefektivigi la bonajn dezirojn de la Registaro, la aspirojn de la loĝantaro kaj la bedaŭratan necesecon.

La Ministro de Publika Instruado, s-ro Marcelino Domingo, eksinstruisto, donis dekreton, datitan de 7-a de lasta Aŭgusto, kiu akcelas la definitivan kreadon de lernejoj, promesante helpon de la Ŝtato al la urbestraroj, al kiuj efektive mankas mono aŭ rimedoj por instali novajn lernejojn, kaj interŝanĝe, li devigos instali kaj havigi materialon por la novaj lernejoj al la urbestraroj kiuj, havante materiajn rimedojn, ne plenumas la devigojn por la elementa instruado. Oni permesas al la malriĉaj urbestraroj peti la reduktiĝon el la kotizaĵoj, kiujn la leĝo al ili trudas por la konstruado de lernejkonstruaĵoj, malpliigante ilin en mono al malsupra limo al la dudekkvin procentoj de la kosto de la konstruaĵoj, anstataŭante tiujn ĉi per materialoj kaj eĉ liberigante de la tuta donaco, laŭ la okazoj.

La Registaro diktis ankaŭ dekreton aranĝante ke ĉiu lernejo posedu unu bibliotekon, kaj ĝi diras, inter aliaj aferoj, la jenon: „Ĉiu lernejo unuagrada posedos unu bibliotekon. Kie ekzistas diversaj lernejoj, ili povos kuniĝi por unu aŭ pli da bibliotekoj. Tiuj ĉi bibliotekoj estos publikaj. La biblioteko estos ĝuste lokita sub la vigla agado de la instruisto. La rimedojn de la publikaj bibliotekoj oni ricevos:

a) De la helpmonoj de la Ŝtato, de la Provinco kaj de la Urborego;
b) de la donacaĵoj aŭ heredaĵoj;
c) de abonoj.

La administrado de la biblioteko korespondos al loka Konsilantaro de unuagrada Instruado. Ankaŭ la organizadon kaj administradon de tiuj ĉi bibliotekoj oni komisias al la patronaro de pedagogiaj misioj.

„Lernejo ne estas kompleta — diras la dekreto kiu ilin kreu — se ĝi ne havas manĝejon kaj vestejon kiujn la instruato bezonas; ĝi ankaŭ ne estas kompleta se mankas biblioteko por la infano, kaj eĉ por la junulo, kaj eĉ por la homo estas bezone legi."

Oni aranĝis la elekton el la geinstruatoj por la ĝuo de senpagaj matrikuloj en ĉiuj edukejoj dependantaj de la Ministerio de Publika Instruado, havigante al la malriĉuloj helpajn monojn por iliaj studoj, kaj farante la elekton per pedagogiaj kaj psikologiaj kondiĉoj. Por tiu ĉi celo oni destinas nun 270 000 pesetojn kaj oni petos al la Parlamento krediton je 500 000.

Oni kreis la Patronaron je pedagogiaj misioj, al kiu oni komisias la disvastigon el la kultureco en la kampara loĝantaro per bibliotekoj, paroladoj, kinaj kaj radiaj kunsidoj, legadoj, ktp., kaj la perfektigon de la instruistaro per kursoj, paroladoj, vojaĝoj de studo, praktikadoj, ktp.

Kaj oni komencis studi en la Konsilantaro de Publika Instruado, la fundamentojn por leĝo de Publika Instruado kiun la Ministerio prezentos kiel antaŭprojekton al la Parlamento kaj je kiu oni komencis publikan enketon.

Kiel oni vidas, tio estas timeginda laboro kiu entenas preskaŭ ĉiujn elmontraĵojn de la nacia eduko. La Respubliko ŝuldis al siaj civitanoj tiujn kulturajn ĝentilecojn kaj aliajn multajn kaj ĝi komencis ilin kontentigi.

La nunaj ekonomiaj cirkonstancoj ne permesas, ke estu nun nuligitaj ĉiuj ŝuldoj el la nacia eduko. Sed jam la nova respubliko komencas likvidi la kulturan deficiton, kaj certe la Parlamento havigos baldaŭ la necesajn helpajn monojn por ĝi. Dume, oni sukcesas.

Aliajn multajn kaj gravajn dekretojn oni diktis antaŭ nelonge. En la „Gazeto de Madrid", oficiala aŭ ŝtata organo, de la 30-a de Septembro, oni publikigis gravegan dekreton pri preparaj normoj el la Instruistaro, per kiu ĝi estas levita al la universitata kategorio. Por atingi unu lernejoficon en Hispanio, oni bezonos en la estonteco la jenon: unue, titolon de abituriento (ses jaroj); poste, rigoran konkurson-ekzamenon, kun malpliigita nombro da oficoj, per eniro en la Normala Lernejo, kie oni kursostudos tri jarojn, kaj, fine, alian jaron je lernejaj praktikadoj. Sume: estos necesaj dek jaroj por atingi la diplomon de instruist(in)o de elementa instruado en Hispanio. En alia artikolo, oni donos detalojn.

Arturo F. Lorido, instruisto,
Castropol (Oviedo).

---

## La afero de lernolibroj en Sovetio.

Se oni atente pripensas la okazojn, rilate al la ofta ŝanĝado de la lernolibroj en la sovetia lernejo, oni povas senerare konkludi, ke la klasbatalo evidentiĝis en ĉi-direkto en la plej ampleksa skalo.

Se ni ĝis nun ne havis similan okazon, tio estas klarigebla nur per tio, ke ni instruistoj konsideris ĉi-aferon ne laŭ marksisma leninisma vidopunkto, vidopunkto de dialektika materialismo. Necesas rekte diri, ke ni, instruistoj, ne tute estis armitaj per dialektika metodo.

Lastatempe pli kaj pli disvastiĝanta klasbatalo devigis ĉiujn rekonsideri, t. e. denove trarigardi, principojn de kompilado de la lernolibroj. Kiam ni starigis ĉi-taskon kaj ekprovis ĝin disvolvi, evidentiĝis ne tute, almenaŭ parte, malevoluigi la socialisman ofensivon en Sovetio. Evidentiĝis, ke iuj pedagogoj-fakuloj, plej parte eminentuloj, okupantaj la plej gravajn ŝtatajn postenojn, havis okulvideble malamikajn ideologiajn principojn kaj penis malevoluigi socialisman progreson per politikokazoj nekonformaj al nuna sovetia vivo kaj, se tiel diri oni povas, penis malutili en kulturkleriga fronto. Por ke ne estu senfakta mia artikolo, mi donos detalojn.

Antaŭ ne longe, estis malkovrita, la t. n. „rajkovŝina", t. e. la tendenco kompili lernolibrojn laŭ vidopunktoj kaj principoj de profesoro Rajkov', nuntempe tute kondamnita. Tiu ĉi tendenco estis mala al nuntempa tendenco kompili la lernolibrojn laŭ politeknikaj principoj, kiuj devas armigi lernantaron per elementoj en la plej gravaj branĉoj de l' industrio. Nuntempe en Sovetio okazas akra batalo por politeknika lernejo kaj trovas ofte ĉu konscian aŭ nekonscian kontraŭstaradon de multaj homoj . . Nuntempe ĉe ni en Sovetio okazas akra batalo por plentaŭga lernolibro en diversspecaj edukejoj kaj mezlernejoj. Malutilaj laŭ sia enhavo lernolibroj tute estas likvidataj kaj ŝanĝataj je koncernaj. Trostjanec, Klimenko, El TEPS.

---

## Seninterrompa lernjaro en Sovetio.

Novaĵo en nia Sovetia edukado estas enkonduko de tiel nomata seninterrompa instrujaro. Tiu enkonduko difinas ankaŭ ĉiujn formojn kiel ekzamenado finjara, ellasado de gelernantoj el lasta grupo ktp.

La enkonduko de seninterrompa instrujaro estas postulata de tiuj konsideroj: Unue, ke gelernantoj forlasante lernejon, tiom estas influataj de medio, medio plejparte malboninflua, ke revenante aŭtune en lernejon, ili estas preskaŭ nerekoneblaj. Efektive, ili plene ĝuas liberon, sed nemaloftaj estas okazoj, kiam gelernantoj estas ekspluatataj de siaj prop-

raj gepatroj kiel ekz. per helpado en mastrumado aŭ en alia direkto. Alia kaŭzo estas, ke nuntempaj sociaj formoj postulas ĉi enkondukon, ĉar post reorganizo de individua mastrumejo je kolektiva, la gelernantoj ne estas plu ekspluateblaj, kiel antaŭe de siaj propraj gepatroj kaj devas esti organizataj dum somera libera tempo en kultura, organizmaniera ripozado. Jen estas ĉefaj kaŭzoj de enkonduko de seninterrompa instrujaro. Kelkiuj povus opinii, ke dum somero lernado ne estu senĉesigata. Ne karaj gekamaradoj, tio ne okazos. Tuta somera laboro ne estos nur intelekta, ke ne en tio konsistas, ke gelernantoj plenumados siajn ordinarajn instrutaskojn lernejajn. Tuta laboro dumsomera celas nur du momentojn: unue, malhelpadi la malboninfluon flanke de medio, kiel diboĉuloj diverspecaj, drinkuloj, ktp., pro tio, ke gelernantoj estas deŝirataj de lernejo dum tuta somero kaj forgesas ĉiujn lernejajn regulojn kaj kutimojn, k a j d u e sanigi, plifortigi organismon de gelernantoj, aplikante sportulajn kaj aliajn ludojn en freŝa aero. Unuvorte por tio estas ellaborata detala plano. La gelernantoj post ĉiuj du tagoj havas liberan tagon. Krom tio, dum somera tempo estas aranĝataj diversspecaj ekskursoj al agrokolektivaj fabrikoj kaj en kamparon. Intencata estas ankoraŭ tendaro ĉe iu rivero dum 10—15 tagoj. La gelernantoj per tio ne nur hardas sian korpon, sed ankaŭ ekzercadas en milita afero, por esti spertaj defendantoj de proleta ŝtato, se tion eldevigos imperialistoj.

Unuvorte, ordinara lerneja instruado tute estos forigita dum somero kaj gelernantoj nur en organizita formo pasigos sian liberan tempon kaj ripozon.

Krom tio gelernantoj ricevas senpagan tagmanĝon kaj dum sia estado en tendaro, ili tute senpage ricevas manĝaĵon. Por tiu ĉi dumsomera laboro estas krom instruistoj, ankaŭ altirataj junkomunistoj, militgvidantoj, kies rolo estas pli grava ol tiu de instruisto, ĉar preskaŭ ĉiuj lernejoj estas pionirecitaj kaj bezonas ideologian edukadon, pro kio junkomunisto estas pli respondeca ol instruisto.

Necesas diri ke per enkonduko de seninterrompa instrujaro, ni neniel malfortigos sanon de gelernantoj, sed male. Sed la plej grava estas, ke por instruisto ne estos bezonata jam dummonata aliedukado kaj denova alkutimigado al lernejaj reguloj kaj por tio nome la postrestantoj malmultiĝos ĝis sufiĉa grado.

Sed, kiel ĉiam nova afero, tiu havas siajn erarojn kaj mankojn, tiel en ĉi afero estos renkonteblaj malfacilaĵoj, sed malgraŭ tio, ni sukcesplene realigos ĉilaboron, ĉar ĝi estas apogata per raciaj principoj, postulataj de nuntempa sovetia realo. Trostjanec, Klimenko. El TEPS.

---

## Infaninterŝanĝo inter German- kaj Danlando.

Iam abonanto de IPR skribis al mi: Vivu Esperanto, ĉar ĝi kunigas la homojn kaj faras ilin amikoj! Tiujn trafajn vortojn mi nun rememoras, kiam mi skribas tiun malgrandan raporton pri nia infaninterŝanĝo. Depost la lasta somero ekzistas novaj rilatoj, novaj amikecoj inter ĝis tiam tute fremdaj homoj, kaj inter infanoj, kaj inter plenkreskuloj. Kaj tio ja estas la fina celo de nia kara lingvo!

Jam depost longaj jaroj danoj sendas infanojn al Germanujo kaj akceptas germanajn infanojn. La interŝanĝo okazas de familio al familio, do ĝi estas ankaŭ malmultekosta kaj akiras tiamaniere plej bone sian celon: fondi amikecojn inter la anoj de du diversaj popoloj.

La peranto por la interŝanĝo estis la Saksa Esperanto-Ligo. La „Dana helpo por germanaj infanoj" kaj „Libertempa restado por urbinfanoj en la kamparo", sekcioj ĉe la Germana Ruĝa Kruco, treege helpis.

En tiu jaro danoj sendis 220 infanojn al Germanujo. (Jam dum la kruela mondmilito danoj tre helpeme akceptis infanojn el Aŭstrio, tiujn bedaŭrindajn viktim-

ojn de l' milito, al kiu mankis sufiĉe da nutraĵo.) La unuan fojon ni havis pere de longtempaj intertraktadoj la eblecon interŝanĝi. Ni elektis nur infanojn, kiuj partoprenas la Esperantan instruadon en niaj popollernejoj kaj en la supera reallernejo. Du grupojn po 12 infanoj kun po unu gvidanto ni formis. La unu vojaĝis al Vordingborg sur insulo Själland kaj la alia al Aarhus (Jytland). Kvar semajnojn ili restadis tie en la bela lando kun ĝiaj afablegaj enloĝantoj kaj travivis belajn tagojn. Ni ĝuis la maron kaj faris belajn ekskursojn. Tempo, kiun ni ne povas forgesi!

Sed mi ankaŭ ĝojas, ke ankaŭ la danaj infanoj estas kontentaj pri la akceptado en Riesa. Ni montris al ili Dresdenon. Ili vizitis la famkonatan bildgalerion en „Zwinger" kaj la Higienan Ekspozicion. Ili entreprenis vojaĝon en Saksan Svisujon, kaj kelkaj eĉ havis eblecon vojaĝi en Ĉeĥoslovakujon.

Grandan akceptfeston okazigis la loka komitato, kies estro estis la skribanto de tiu artikolo kaj al kiu helpis ege kaj diligente kolego Kröber, la eksadm. de IPR, kaj kiu ankaŭ gvidis la transporton al Aarhus.

Pli ol mil homoj estis en la urba parko. La estro de la loka komitato salutis la ĉeestantojn, la ĥoro de popollernejo kantis popolkantojn kaj la prezidanto de Saksa Esperanto-Ligo faris la festparoladon. Li akcentis precipe la grandan valoron de tiu interŝanĝo rilate la laboron por la paco.

Ankaŭ en Vordingborg oni aranĝis akceptfeston por la germanaj infanoj. La burĝestro mem faris la festparoladon. Li diris interalie: Se ni ankaŭ ne povas montri al vi multajn vidindaĵojn, vi devas ekkoni, ke Danujo estas bela lando kun diligenta kaj afabla enloĝantaro, kiu ne deziras malamikecon kaj militon, sed nur pacon kaj sinkomprenadon inter la popoloj. Tiu infaninterŝanĝo, kiu komencis tiom bele kaj bone, havas plej grandan valoron. En la tuta mondo nun regas granda kaj profunda sopiro al paco kaj ĉiam pli granda kompreno montriĝas, ke estas necese, labori kune, kaj neniu povas pli bone helpi tiun celon ol la interŝanĝo kaj la kunigo de la familioj.

Kiel reprezentanto de Dana pacunuiĝo transdonis redaktoro Mogensen korajn salutojn de tiu unuiĝo. Ankaŭ li akcentis, ke la interŝanĝo estu valora paŝo en la laboro por la paco.

Kaj en Aarhus la prezidanto de la Esperantogrupo, s-ro Palsberg, diris en sia adiaŭa parolado: La infaninterŝanĝo havas tre profundan tendencon: Ni volas ŝirmi nin kontraŭ ripetado de 1914—18. Ni ne volas, ke niaj infanoj, kiam ili estos plenkreskuloj, mortigos unu la alian. Niaj infanoj devas kreski kaj vivi, por ke ili helpu la evoluadon de l' mondo kaj la civilizacion. Ni volas kunigi la naciojn kaj serĉi amikojn en aliaj landoj. Esperanto havas la internan ideon, akiri pacon per la reciproka interkompreniĝado.

Esperu ni, ke nia interŝanĝo helpis prepari la vojon por la mondpaco!

Kurt Hofmann, Riesa.

---

## Esperanto-Enciklopedio.

En la lastaj jaroj aperis kelkaj tre gravaj verkoj en Esperanto. Bibliografio de P. Stojan, la Plena Vortaro de Esperanto, la Originala Verkaro de Zamenhof, la verkoj de Remarque kaj aliaj imponaj eldonaĵoj estas dokumentoj pri tio, ke Esperanto jam atingis tiun maturecon, kiam diversaj eldonejoj ne timas aperigi verkojn indajn eĉ al la plej grandaj naciaj literaturoj.

En tiu vico nun la eldonejo Literatura Mondo decidis eldoni Esperanto-Enciklopedion, multe bezonatan verkon por Esperantistoj, kiu enhavos ĉion gravan pri la movado, historio, literaturo, propagando, partoprenantaj gvidantoj ktp. de Esperanto. La verkego, kies bazo estas la valora manuskripto de s-ano I. Ŝirjaev, Ruslando kaj kiun redaktas s-roj V. Bleier, K. Kalocsay kaj

L. Kökény, deziras esti modelo por kolektiva kreado per la samideanoj el la tuta mondo. Pro tio la redaktoroj alvokas ĉiujn esperantistojn, interesiĝantajn pri tiu ĉi serioza laboro, prezenti siajn opiniojn, ideon, eĉ artikolojn al la redakcio. Ĉies opinio kaj ideo estas bone esplorata kaj observata por la intereso de la verko. La redakcio respondas al ĉiu en aparta fako de Literatura Mondo ekde la numero januaro 1932. Tial individuan respondon neniu atendu! Ĉiujn korespondaĵojn sendu al

Literatura Mondo, Budapest IX, Mester-u. 53. V. 7. por Enciklopedio.

---

# Esperanto kaj skolta movado.

Sukcesplena estis kunveno kaj tendaro de la skolta esperantista rondo en Budapest de la 14-a ĝis 20-a de Julio 1931. Partoprenis 70 skoltoj el 5 landoj; la aranĝo estis bone subtenata de esperantistoj per donacoj kaj vizitoj. Okazis krom ekskursoj oficiala akcepto kaj ferma kunveno, tendarfajroj, esperanta prediko.

Bonvolu represigi en nacilingvaj skoltgazetoj jenan alvokon:

Skoltoj, lernu Esperanton, por uzi ĝin dum venontaj tendaroj kaj korespondu kun ni! Plej grave estas, ke la skoltoj, kiuj preparas sin por la Mondĵamboreo 1933 — kiu okazos en Hungarlando — sciu ĝis tiam Esperanton kaj uzu ĝin!

Ni volonte gvidas eksterlandajn esperantistojn, sciigu antaŭe alvenon! Kunveno lunde vespere de la 6-a ĝis la 8-a.

Korege dankas Hungara Skolta Esperanto-Rondo, Budapest V, Nagy Sandor-u. 6, Hungarujo.

**Varbu abonantojn inter viaj kolegoj!**

# La ĉiama konstanta kalendaro.

## I. La kalendaro ludas en nia vivo tre gravan rolon.

Laŭ ĝi oni precizigas la longecon de la jaro, dividas ĉi tiun en kvaronjarojn, monatojn, semajnojn kaj tagojn. Laŭ ĝi oni fiksas la apartajn religiajn, politikajn, societajn kaj privatajn festotagojn je determinita dato. Ĝi ebligas al ni, fari tempoplanon koncerne laborojn, okazigotajn festojn, kunvenojn, kontraktojn, rentumpagojn ktp.

Kalendaron bezonas la homaro. Ĝi jam estas enkondukita en antikvaj tempoj. Jam 2700 jaroj a. Kr. sub la imperiestro Huang-Ti ĉinoj kreis la fundamenton al la hodiaŭa kalendaro. Kaj, ke la babilonaj kaj egiptaj pastroj scipovis, dividi la jaron en 365¼ tagojn, tio estas ja ĝenerale konata. Sed multaj homoj ne scias, ke la antikvaj popoloj partigis la jarojn en monatojn kun ordinare 29 resp. 30 tagoj. Laŭ tio ilia ordinara jaro konsistis nur el 355 tagoj, mankis al astronomia jaro 10 tagoj 5 horoj, 48 minutoj kaj 46 sekundoj. Por tiun diferencon kompensi, oni enŝovis post ĉiu tria jaro supermonaton kun 30 tagoj. Malgraŭ tio restis en ilia kalendaro jara manko (355+⅓ de 30 = 365) de 5 h. 12' 14". Do la kalendaro malfruiĝis ĉiam post ĉirkaŭ 6 jaroj je 1 tago. La novjaro-komenciĝo okaziĝis je ĉiu dato dum ĉ. 2250 jaroj.

Pro tio la glora romano Julius Caesar plibonigis per helpo de la egipta scienculo Sosigenes la kalendaron, la jaron dividante en sep 31-tagajn, kvar 30-tagajn kaj unu 28-tagan monatojn kun kromtago ĉiam post 4 jaroj.

Sed ankaŭ ĉi tiu „Juliana kalendaro" de la jaro 47 a. Kr. estis ankoraŭ malperfektaĵo. Post 129 jaroj mankis en ĝi laŭ astronomia kalendaro 1 tago, 1582 p. Kr. do jam 11 tagoj. Pro tio la klerikuloj postulis reformon. La potenca papo Gregor XIII-a cedis. Kelkaj klerikaj sci-

enculoj prilaboris la kalendarreformon. Ili proponis, ke ĉiu sekvanta jaro, kies jarnombro estas dividebla per 4, estu superjaro, krom la centjaroj 1600, 2000, 2400, 2800 ktp. Ĉar laŭ ĉi tiu kalendaro nur post 3600 jaroj 1 tago superfluas, oni akceptis ĝin sufiĉe perfekta. Nuntempe ĉi validas en ĉiuj kulturŝtatoj, escepte de kelkaj slavaj ŝtatoj, kiuj uzas la malnovan grekan kalendaron. La „Gregora kalendaro" tiel kontentigas pro sia akurata fiksado de la jarlongeco, sed tute ne pro sia interna aranĝo, precipe pro siaj neegalaj monatoj kaj pro la moveblеco de la kristanaj ĉeffestoj: pasko, ĉieliro kaj pentekosto.

**II. Tiujn ĉefajn malperfektaĵojn ni nun iomete detale klarigu (skize!):**

1. La kvaronjaroj estas diversaj. Ili ampleksas 90, 91, 92 kaj 92 tagojn. Malutilo: Ĉiuj kvaronjarkalkuloj rilate al rentumoj, salajroj, limpagoj, komun- kaj ŝtatenspezoj kaj elspezoj kaj, tre grave, la komparado de tiuj pagoj estas tre malfaciligataj despli multe, ĉar la unua kvaronjaro pligrandiĝas ĉiun kvaran jaron po 1 tago.

2. Ankaŭ la monatoj ne estas egalaj (1×28 resp. 29, 4×30, 7×31 tagoj). Malutilo: Ree ĉiuj monataj kalkuloj kaj kalkulkomparoj estas treege malfaciligataj. La aranĝado de mastrumo- kaj kasolibroj, la farado de diversaj tempoplanoj, fervojplanoj, por laborprojektoj, libertempoj, festoj ktp. kaŭzas gravajn malsimpligadojn. Precipe la statistiko suferas pro la malegaleco de la kvaronjaroj kaj monatoj.

3. La labortagoj en la opaj monatoj ŝanĝas ĉiujare de 24 ĝis 27 tagoj. Malutilo: La bilancado en la negocvivo estas komplikita, malagrabla ankaŭ por transportsocietoj, por internacia trafiko ktp.

4. Plu la monatkomenciĝo alternas trans ĉiujn semajntagojn, krome ne regule.

Malutilo: Maloportuna tio estas precipe ĉe servo-, deĵoro aŭ oficкomenciĝo.

5. Gravege: Pasko (1-a dimanĉo post la printemp-plenluno) ŝanĝas sian daton en la nuna kalendaro inter 22-a de marto kaj 25-a de aprilo ire-revene.

Malutilo: La pro tio tre longaj aŭ mallongaj lernejjaroj — ebla diferenco 9 semajnoj! — kaŭzas

a) tre malfacilajn, malcertajn instru- kaj laborplanojn;
b) grandajn maljustaĵojn rilate al akiritaj aŭ akirotaj atestoj en longa aŭ mallonga lernejjaro;
c) korpan kaj spiritan trostreĉadon, se la vintra lernlaborado daŭras tro longe;
ĉ) komplikitajn salajro- kaj lernejkostokalkulojn;
d) la por 1-a de aprilo dungitaj geknaboj devas forlasi la lernejon antaŭ fino de lernejjaro aŭ ili devas paŭzi kelkajn tagojn;
e) se la lernkomenciĝo de la lernejrekrutoj okazas — kiel leĝe en Sakslando — la 1-an de aprilo kaj pasko estas tre malfrue, okazas, ke la gelernantoj havas post unu ĝis du semajnoj da instruado jam ree 2-semajnajn feriojn. Tre danĝera por la lernejo, ĉar la publiko mokas pri la ofteco de la ferioj.

6. De pasko dependas tempe pentekosto.

Malutiloj: Multaj negocbranĉoj treege suferas pro la ŝanĝanta okazigo de la frua aŭ malfrua pentekosto en la diversaj jaroj.

7. Memortagoj havas ĉiujare alian semajnotagon.

Malutiloj: Sen kalendaro oni nun preskaŭ neniam scias, je kiu dato estis — estos antaŭ aŭ post 3 jaroj iu naskiĝ-, morto- aŭ grava festotago. Tio certe ne estas oportuna.

8. La kromtago en la superjaro okazas ĉiam fine de februaro plilongigante tiun monaton je 1 tago.

Malutilo: Ĉiuj kalkulistoj kaj statistikistoj juĝas februaron ĝenemulo.

9. Ĉirkaŭ la kristnaska festo povas ekesti dum 10 tagoj 5 festotagoj.

Malutilo: Uzinoj devas „elblovi“ siajn kaldron-fajrojn, taglaboristoj perdas gravan sumon de salajro„ ĉe poŝto kaj fervojo malreguliĝas, tre ofte troiĝas la laboro ktp.

10. Oni neniam scias la kalendaron parkere.

Malutilo: La ĉiama necesa serĉado en la kalendaro estas temprabanta, ofte peniga, ofte ankaŭ erariga. Ĉiujare aĉeti novan kalendaron estas monmalŝparemo.

### III. Nun ion pri plibonigita, ideala kalendaro.

Centopaj estas la proponoj por tio. Kiel unu el la plej bonaj distingiĝas la „Konstanta, ĉiama kalendaro“ de D-ro inĝ. Rudolf Blochmann en Kiel.

Jen ĝi estas: klara, facile komprenebla, sur malgranda folieto:

6. La 365-a tago de ĉiu jaro estu ekstersemajna festtago (eble mondpactago!) meze de la jaro inter sabato (30-a de Junio) kaj dimanĉo (1-a de Julio),
7. la kromtago estu same ekstersemajna festtago fine de ĉiu superjaro post sabato kaj antaŭ dimanĉo,
8. ĉiu monato sen apartaj festoj havas ĉiam 26 labortagojn,
9. Pasko estas ĉiam la 8-an de Aprilo,
10. Unu kalendaron por la tuta vivo, kaj tiun sciante parkere, ĉu tio ne estas ĝojo?
11. la jaro 1933 komenciĝas kun dimanĉo, ĝi estas tial precipe taŭga por enkonduki la praktikan novan ĉiaman kalendaron,
12. En propra intereso apogu ĉiu progresemulo kaj praktikulo la „Societon por kalendarreformo“ (laŭ D-ro inĝ. Rud. Blochmann), Lornsenstrasse 24 en Kiel, Germanlando, per akcel-

| La kvaronjaroj : | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | Januaro | Februaro | Marto |
| 2 | Aprilo | Majo | Junio* |
| 3 | Julio | Aŭgusto | Septembro |
| 4 | Oktobro | Novembro | Decembro** |
| 1 Dimanĉo | 1 8 15 22 29 | — 5 12 19 26 | — 3 10 17 24 |
| 2 Lundo | 2 9 16 23 30 | — 6 13 20 27 | — 4 11 18 25 |
| 3 Mardo | 3 10 17 24 31 | — 7 14 21 28 | — 5 12 19 26 |
| 4 Merkredo | 4 11 18 25 — | 1 8 15 22 29 | — 6 13 20 27 |
| 5 Ĵaŭdo | 5 12 19 26 — | 2 9 16 23 30 | — 7 14 21 28 |
| 6 Vendredo | 6 13 20 27 — | 3 10 17 24 — | 1 8 15 22 29 |
| 7 Sabato | 7 14 21 28 — | 4 11 18 25 — | 2 9 16 23 30 |

*31-a de Junio: Mezjartago. ** 31-a de Decembro: Kromtago en ĉiuj kromjaroj.

Preferoj:

1. Ĉiu kvaronjaro havas ĉiam 91 tagojn,
2. ties 3 monatoj konstante 31, 30, 30 tagojn (ĝis nun 7×31, 4×30, 1×28 aŭ 29 tagoj),
3. do ĉiu dato havas ĉiam la saman semajntagon kaj
4. la festoj (religiaj, naciaj, privataj) ĉiujare la saman daton,
5. tio estas gravega por ĉiuj klerikaj, lernejaj kaj administraj oficistoj kaj por ĉiuj negocistoj (teatristoj, trafikinteresuloj),

donacoj, per membriĝo (jarkotizo nur 4 gmk. = 5 svis. fk. = 1 Dollar = 4 Shilling), per gazetartikoloj, per paroladoj ktp.

Elpetu informojn, kiuj estos alsendataj senkoste! Helpu venki!

### IV. Ĉu la enkonduko de tiu ĉi ideala kalendaro estas ebla?

Mi estas konvinkita: jes! ankaŭ baldaŭ. La neceseco de la enkonduko estas tiom granda, kiom la perfekteco de la nova kalendaro valoras.

Jam post la apero de la „Gregora kalendaro“ multaj kleruloj estis malkontentaj pri ĝi, precipe pro la balanceco de la paskofesto. Nun en la tempo de la industrio kaj montrafiko postulas la tuta popolo perfektigitan kalendaron.

Multaj eminentuloj faris proponojn, klopodas pro la rekono kaj akcepto de siaj ideoj. La nomita societo en Kiel spertis jam grandajn sukcesojn: Multaj registaroj, parlamentanoj, magistratoj, altrangaj oficistoj, komerc-, industri- kaj societestroj, multaj opaj scienculoj kaj eminentuloj estas aktivaj anoj de „Societo por kalendarreformo laŭ D-ro Blochmann“. Eĉ la „Ligo de Nacioj“ akceptis la Blochmann'an reform-proponon kiel precipe rekomendindan.

La tempo urĝas. La jaro 1933 komenciĝas per dimanĉo, taŭgas do prefere por enkonduki la plej praktikan kaj utilan „Konstanta, ĉiama kalendaro“n. La registaroj cedas, se la popoloj ĝin serioze postulos. Tial, kunhelpu ĉiu, por ke ni atingu baldaŭ la aspiratan celon! Ĉiam antaŭen!

Ernst Klemm, Chemnitz.

---

# Recenzoj.

Vortoj de kamarado E. Lanti. Kun antaŭparolo de L. Banmer. Eldonejo de SAT, Parizo. Form. 13×19 cm. 191 pĝ. Prezo 2.— gmk.

Oni povas nomi la verkon: oraj vortoj por la proletaro. Ili raportas pri Mondlingvo, Organizado, Eduko, Sennaciismo, Socipolitiko, Pacismo ktp. Kvankam por klaskonsciaj esperantistoj verkita, estas la libra enhavo preskaŭ senpartia. Ĉiu povas ĝin legi kaj enskribi en la koron. En ĉiu artikoleto prezentas sin Lanti kiel edukisto, kiu interesos la leganton. Neenuiga, bonstila legaĵo, bele presita. Jen vorto por ni: „Ja, por granda nombro da esperantistoj la partopreno en nia movado estas ia ludo, ia modo, kiujn ili forlasas, tuj kiam logas ilin alia modo.“

E. F.

Florence Barker: La Lingvo de la Bestoj. Prelego farita dum la kunsido de „Amikoj al la Bestoj“ en Kolegio Christ Church, Oxford, dum la 22-a Universala kongreso de Esperanto. 24-paĝa broŝurita libreto kun bela portreto de la hundino Chum. Prezo 0,25 gmk. Havebla ĉe Heroldo de Esperanto, Brüsseler Str. 94, Köln, Germanujo.

K. H.

Sigelmarkoj kun propagandoteksto por Esperanto. Tre bona propagandilo en la lingvoj angla, esperanta, franca, germana, hispana, itala kaj sveda. Ĉiu serio havas alian koloron kaj la unuopaj markoj estas presitaj trikolore. Tekstas pri radio, transoceana, aviada, fervoja aŭ aŭtomobila trafiko, sporto, turismo kaj internacia komerco. Unuopa marko 3,5×5 cm. Prezo: 10 folioj 0,50 gmk, 50 folioj 2,25 gmk. kaj 100 folioj 4.— gmk. Mendu ĉe Heroldo de Esperanto, Brüsseler Str. 94, Köln (Germ.).

K. H.

Julio Baghy: Printempo en la aŭtuno. Rakonto pri dolĉe melankolia renkonto. Verkita originale en Esperanto. Amnovelo, kiu pritraktas malfeliĉan amon inter gimnaziano kaj malriĉa knabino de migranta cirko. — Bonega stilo. — Formato 13,5×20 cm. Ilustrita, kartonita kun trikolora ŝirmkovrilo. Prezo 2.— gmk. Eldonejo Heroldo de Esperanto, Brüsseler Str. 94, Köln (Germ.).

K. H.

LEA-Kantaro. Kolekto de proletaj, batalaj, liberpensulaj kaj popolaj kantoj. Tria reviziita eldono. Berlin 1931, Laborista Esperanto-Asocio por la germanlingvaj regionoj. 74 paĝoj, prezo 0,40 gmk. — Malmultekosta kaj enhavriĉa libreto. La batalkantoj parte respegulas vere akran ritmon, ili ankaŭ estas la plej multaj, ĉar la kantaro celas ne nur „kantentuziasmigi, sed ankaŭ klaskonsciigi“.

Leo Turno, Kompletny Podrecznik Jezyka Esperanto dla Poczatkujacych. Krakow 1932, Nakladem Towarzystwa Esperanto (Kompleta Lernolibro de Esperanto. 4-a eldono ŝanĝita.) 72 paĝoj, prezo 1,25 pol. zl.

Tiu pollingva Esp.-lernolibro enhavas malgrandajn legaĵojn klarajn kaj simplajn, tamen sufiĉe interesajn, kvankam ili ilustras la gramatikon de ĉiu leciono. Ĉiu legaĵo estas aŭ klarigebla per montrado aŭ ŝanĝebla al interparolado. Provleciono instigas al rekta metodo. Kial klarigi la „deklinacion"?

Primer Manual de la Llengua Auxiliar Internacional Esperanto. Barcelona 1930, Eldona Fako de Kataluna Esperanto Federacio. 32 paĝoj, prezo 25 hisp. ct.

Sur malmultaj paĝoj oni kunprenas multon: Argumentojn por Esperanto, elparoladon, gramatikon sur unu paĝo, 9 lecionetojn kun sufiĉe da ekzerca materio, kolekto de ĉirkaŭ 1000 vortradikoj. Sube sur ĉiu paĝo ĉefaj reguloj estas grase presitaj.

Julius Glück, Zamenhof. Memorparolado. 2-a eldono. Max Haase, Berlin. 8 paĝoj, prezo 25 germ. pfenigoj plus 5 pf. por sendkostoj. Memorparolado por Zamenhof farita en la Esp.-grupparo Berlin la 25-an de Aprilo 1922, esperant- kaj germanlingve. (Bona ekzemplo de laŭsenca, ne laŭvorta traduko.)

R. W.

**Esprimo de sentoj en Esperanto de D-ro Edmond Privat estas havebla por 1,50 sv. fr. Bonvolu korekti la paĝon 118 en IPR, 1931.**

---

## Ricevitaj broŝuroj kaj gazetoj.

Varna, la reĝino de la Nigra Maro. Por senpaga ekzemplero de tiu bela prospekto oni turnu sin rekte al la komunumo de Varna.

Mondpaco kaj Ŝantuna Demando. Eldono de Internacia Rilato-Komitato. 5 Mao-Tao Strato, Nankino, Ĉinio. Bele presita kaj ilustrita propagandilo politika. Tiu ĉi Komitato alsendas „Orientan Gazet-Servon" al ĉiu interesiĝinto. Ĝi estos eldonata almenaŭ unufoje po monato. „Orienta Gazet-Servo" entenos novaĵojn politikajn kaj aliajn kaj artikolojn pri la malnova orienta naciego. Ĵurnalistoj estas aparte petataj, sendi siajn adresojn al la eldono.

Preparantoj de milito. Akuza konkludo en la proceso de „Industria Partio". Eldonita de CK SEU, Moskvo. Deponejo: EKRELO, Löbauerstr. 355, Leipzig N 24, Germanlando.

Nervio. Ciencias, Artes, Letras (Scienco, arto, literaturo). Tiu serioza monata Revuo, eldonata en Buenos Aires, favoras Esperanton (Administr. S. Kaplan).

La Revuo Orienta, eldon. Japana Esperanto-Instituto, Tokio. Parte esperantlingve.

La Eŭgeniko. Monata organo de Japana Eŭgenika Instituto. Eld.: Koroenmorigu 667, Mukogun, Hyogoken, Japanujo. Malgrandparte esperantlingve.

Amerika Esperantisto, 1591 Anderson Ave., Fort Lee, N. J., U. S. A. Tre bone ekŝpita Organo de Esperanto Asocio de Nord-Ameriko.

Pollingva Esperanto-lernolibro estas eldonita de „Scienca Esperanta Rondo", Bydgoszcz 1931, sub la titolo: Lecionoj de mondlingvo Esperanto. Unua lernolibro por junularo de mezlernejoj sur bazo de Tekstoj de D-ro L. Zamenhof prilaboris Mieczyslaw Sygnarski, profesoro de ŝtata klasika gimnazio. 67 pĝ.

1. Biblioteko Nova Kulturo, Burgas, Bulgarujo, 1930.

N-ro 1: P. Danov, Jen la homo. 30 pĝ.

N-ro 2: P. Danov, La elmontrado de la spirito. 27 pĝ.

N-ro 3: Danov, La amo. 26 pĝ.

Aldono: A. Tumov, Religio-filozofia vivkoncepto de Petro Danov. 27 pĝ.

P. Danov estas la majstro de la Universala Blanka Frataro, moderna mistika movado en Bulgarujo. Ĝiaj fundamentaj konceptoj devenas el la instruoj de moderna mistikismo, de la jogoj, de la moderna teozofio, de la moderna okultismo kaj el la instruo de Kristo en ĝia unua formo.

2. Okamoto-Rikici, Evangelioj de belismo. Tomicka-mura, Ŝuntoo-gun Ŝizuoka-ken, Japanio.

Volumo 3: Evangelio de pura belo.
Volumo 4: Evangelio de pura amo.
Volumo 5: Evangelio de pura vero.
Verkoj de esotera budaismo.

D-ro Hermann Nothnagel, La mortado. Tradukis Bernhard Selzer. Wien, Esperanto Societo „Progreso“, X, Ettenreichgasse 4/31. 26 pĝ., Prezo 1 gmk.

Mondfama scienculo de internaj malsanoj provas forigi teruroplenajn opiniojn pri la fizika mortado. La naturo laŭ ŝi estas kompatema ankaŭ ĉe la fino de la vivo. R. W.

Internacia Lingvo. Revuo de C. K. de Sovetrespublikara Esperantista Unio por la problemoj de lingvo internacia, ties teorio, disvastigo kaj praktika aplikado. Moskvo.

Tiu ruslingva revuo enhavas valorajn artikolojn. Surskriboj, parte ankaŭ resumoj en Esperanto. La 6-a kajero de la jaro 1931-a enhavas esperantlingvan deklaron de E. Drezen kontraŭ la avertoj, ke li intencas anstataŭigi Esperanton per alia projekto de internacia lingvo, ankaŭ li deklaras mensogo aludojn pri siaj amikaj rilatoj kun Ido, Occidental kaj aliaj sistemoj.

Eldonoj de Bureau international d'éducation, 44 Rue de Maraîchers, Genève. Franclingve.

1. Bulteno n-ro 18, Januaro 1931.
2. Bulteno n-ro 19, Aprilo 1931.
3. Raportoj:
   1. Premier cours (unua kurso).
   2. Troisième cours (tria kurso)

pour le personnel enseignement, comment faire connaître la Société des Nations et développer l' esprit de coopération internationale (por persona instruado, kiel konatigi la Ligon de la Nacioj kaj evoluigi la spiriton de internacia kunlaborado), 1930, paĝoj 68, 87.

3. Quelques méthodes pour le choix des livres des bibliothèques scolaires. (Kelkaj metodoj por la elekto de libroj en bibliotekoj lernejaj.) 14 paĝoj.

4. La pédagogie de la paix et les problèmes internationaux d'après-guerre en Roumanie, par Constantin Kiriscescu. 1930, 23 paĝoj. (La pedagogio por la paco kaj la internaciaj problemoj postmilitaj en Rumanujo.)

5. Le Bureau international d'éducation, par p. Rossello. Tiu kajero enhavas sur 20 paĝoj mallongan superrigardon pri historio, fondo kaj agado de la oficejo internacia por edukado, ĝi konatigas kun ĝiaj organoj (komitatoj, komisionoj ktp.), ĝiaj ĉefaj aperigaĵoj kaj ĝia regularo.

Union des Instituteurs des écoles primaires. (Unuiĝo de la instruistoj popollernejaj), Varŝovo 1929. Edition Union des Instituteurs polonais des écoles primaires. Franclingve.

Boletim de educação publica. (Bulteno de publika edukado.) 1930. Rio de Janeiro, Brazilo. Portugalalingve. La kajero Januaro-Marto enhavas la artikolon de Gustav Klemm „Novaj vojoj en la instruado pri historio“ el IPR 1929, paĝoj 69—72.

Domo de homamo, projekto kaj opinioj pri la. La plej grandioza entrepreno en Esperantujo. Ĉefa iniciatinto kaj protektanto Majstro Onisabro Deguĉi, prezidanto de Universala Homama Asocio. Eldono de „Oomoto Internacia“, Esperanto-ĵurnalo, Paris, Francujo. 14 paĝoj, prezo: unu internacia respondkupono.

BES-a Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj. 9-a eldono, 1931. Bohema Esperanto-servo. Potštejn, Ĉeĥoslovakujo. 80 kaj 20 paĝoj. R. W.

---

**Venonta numero aperos eke de marto.**

---

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto", internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto".

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)


# Grava sciigo por niaj ĉeĥaj abonantoj!

*Nova agento por Ĉeĥoslovakujo: A. Valoušek, Tyršova 19, Brno XII. La ĝis nun ne pagintaj abonantoj kaj tiuj, kiuj pagis nur 24 kĉ. anstataŭ 1 dolaro, estas petataj insiste, plej eble baldaŭ pagi la sumon al la landa agento!*

---

*La abonprezo por la nederlandaj abonantoj estas 2,50 gld. = unu Usona dolaro! P. Korte, agento.*

---

# Bonvolu tuj renovigi la abonon por la jaro 1932!

---

# Premioj por varbado!

Por ĉiu NOVE VARBITA abonanto de IPR vi ricevos 1/4 de la sendita abonkotizo en la jaro, kiu sekvas al la abonjaro.

Ekzemple, se vi varbas 2 NOVAJN abonantojn por 1932 kaj sendis la abonkotizojn kun la koncerna informo al la administranto de IPR, vi havos krediton de ½ dolaro (½ abonkotizo) ĉe IPR por 1933.

Kiu varbas kvar NOVAJN abonantojn por 1932, ricevos senpagan jarkolekton 1933 de IPR.

Do ni konkuru en intensa varbado!

PROPRA PROFITO! — PROGRESIGO DE L' MOVADO!

## Varbu anoncojn por IPR!

Por viaj klopodoj vi ricevos procentojn! Postulu la tarifon de la administranto!

## *Interesajn artikolojn*

*sendu al la redaktoro. (Eble pri la temo: la instruista kaj lerneja vivo laŭ la vidpunkto de la mondkrizo.) Por la presita paĝo vi ricevos 1/2 dolaron!*

---

# Kiu tuj sendas sian abonon, helpas al plua kresko de IPR!

# Mimosa

## Kiu fotografas, tiu pli multe ĝuas la vivon.

Tio estas veraĵo jam delonge aprobita. Pripensu, kian ĝojon kaŭzos al vi bildeto de via etulo! Ĉiukaze kaj dum ĉia lumo viaj fotoj sukcesos, se vi uzos la speciale subtil-partiklan, senhaloan

**„Extrema"- filmon, 23° Sch.**

La fotojn oni kopias plej sukcese helpe de „Sunotyp". Tiam la sukceso certe ne mankos.

**Mimosa A.-G. Dresden 21**

# Aliĝu senprokraste
**al la 10-a jubilea eldono de**

# BES-ADRESARO
**de esperantistoj el ĉiuj landoj.**

Tiu ĉi modele kaj praktike aranĝita helpilo bezonega por ĉiu esperantisto, kun portretoj kaj registro laŭfaka eĉ laŭinklina, ebliganta tuj trovi la deziratan adreson, celas kolekti adresojn de ĉiuj Esperantistoj kaj de ĉiuj Esperanto-entreprenoj. Simpla aliĝo 0.50 sv. fr. (0.40 gmk. aŭ 2 resp.-kup.), aliĝo kun adresaro 1.— sv. fr., kun adresaro kaj portreto 1.50 sv. fr., anonca paĝo 25.— sv. fr. BES (Boh. Esp.-Servo), Potštejn, Ĉeĥosl., Eŭropo.


Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.